# der esperantist

Mitteilungsblatt der Esperantofreunde im Kulturbund der DDR

19. Jahrgang Nr- 118 (2/1983) ISSN 001 4-0619 30 Pf

*Dr. Erich-Dieter Krause*

## Zum Wörterbuch Deutsch-Esperanto

**Resumo:**

*Per la vortaro Germana-Esperanto de d-ro Erich-Dieter Kraus (GDR) la gemanglingva esperantistaro disponos pri la ĝis nun plej moderna kaj plej fidinda kaj samtempe plej ampleksa tiaspeca vortaro. Tiu preskau 600-paĝa verko entenas pli ol 40 000 artikolvortojn kaj tiel estas entute unu el la plej ampleksaj iam ajn aperintaj vortaroj de la tipo nacia lingvo-Esperanto. La vortaro aperis dum julio 1983 en Verlag Enzyklopädie Leipzig kaj estas anoncita en Vorankündigungsdienst des Buchhandels der DDR, Nr. 6/1983 de 8. 2. 1983, mendo-numero 5573891. La vortaro kostas 18 markojn. En la sekva artikolo la aŭtoro donas kelkajn informojn pri la kolektado de la leksika materialo kaj pri la pretigo de la manuskripto.*

### I. Einordnung des Wörterbuchs

Das Wörterbuch „Deutsch-Esperanto" erscheint in der Reihe der mittleren Lexika im Verlag Enzyklopädie Leipzig. Es liegt somit, der Größenordnung nach, auf gleicher Linie mit den Wörterbüchern zu den großen europäischen Nationalsprachen Russisch, Englisch, Französisch und Spanisch, wobei zu bemerken ist, daß diese Sprachen, mit Ausnahme des Russischen, nur mit 36 000 Stichwörtern in den jeweiligen Wörterbüchern belegt sind.

Auch hinsichtlich des Umfangs von 596 S., bei größerem Satzspiegel als bisher in der Enzyklopädie-Wörterbuchreihe üblich, hält es entsprechenden Vergleichen mit nationalsprachigen Wörterbüchern stand.

### II. Materialsammlung/Zettelkartei/Arbeitsschritte

Eine über ca. ein Jahrzehnt währende lexikologische Materialsammlung durch Verzettelung von

a) allen führenden Esperanto-Zeitschriften (Esperanto, Heroldo de Esperanto, Monato, Scienca Mondo u. a.) sowie von Fachzeitschriften Scienca Revuo, La Mevo, Homo kaj Kosmo, Sciencaj Komunikaĵoj u. a.)
b) Monographien und kleineren Einzelschriften (hier vornehmlich die von der Internacia Somera Universitato veröffentlichten Materialien)
c) Esperanto-Fachwörterbücher (z. B. Internacia komerca-ekonomika vortaro en 9 lingvoj, Eléments de géologie en six langues, Komunlingva nomaro de eŭropaj birdoj u. a.)
d) Einsprachige Lexika, besonders Plena Ilustrita Vortaro und bisher vorhandenes Material des Esperanto-Bilderdudens, zur Abrundung auch

ausgewiesene bilinguale Wbb, wie beispielsweise die sowjetischen Esperanto-Wörterbücher von BOKAREV.

e) Korrespondenz in Zweifelsfragen mit Fachleuten, die zugleich gute Kenner des Esperanto sind (so z. B. auf dem Gebiet der Zoologie, bes. auch der Ornithologie, Mykologie u. a.)

Alle Belege der Zettelkartei wurden mit Belegstellen in Form von Sigeln plus Heft- und Seitenangabe versehen, so daß die Angabe jederzeit zurückverfolgt werden kann, was zur Ermittlung des Kontextes von Fall zu Fall notwendig wird.

Die Zettelkartei weist insgesamt ca. 48 000 Belege verschiedener Lemmata aus, bei Einbeziehung der Mehrfachbelegstellen ca. 150 000.

### III. Ausfertigung des Verlags-Manuskripts

Besonderer Wert wurde gelegt auf die Verzeichnung von

a) Idiomatischen Wendungen, Fügungen und Sprichwörtern

*Bsp:* **er hat Geld wie Heu** *Zam* li havas pli da mono ol bezono

**er sieht den Wald vor lauter Bäumen nicht** *Zam* li en arbaro sidas kaj arbojn ne vidas

**den Bock zum Gärtner machen** *Zam* preni ŝteliston kiel gardiston

**vom Regen in die Traufe kommen** *Zam* trafi el sub la pluvo en riveron

*Anm:* Hier wurde insbesondere das Zamenhofsche „Proverbaro" ausgewertet (*Zam* = *Abk für* von Dr. Zamenhof geprägte Wendungen)

b) Homonymen

*Bsp:* [1]**Hader** *m Lappen* ĉifono

[2]**Hader** *m Streit* kverelo, malpaco

[1]**Kiebitz** *m Orn* vanelo

[2]**Kiebitz** *m Kart* kibico

[1]**Kiel** *m Feder* plumtubo

[2]**Kiel** *m Mar* kilo; *Unterwasserteil des Schiffsrumpfes* kareno

c) umgangssprachlicher, teilweise auch von salopper Redeweise (Kennzeichnung im Wb: *umg salopp derb vulg sex*)

*Bsp:* **Genickstarre** *f Med* cerbospina meningito; *umg steifer Hals* rigida nuko

**er war ganz schön benebelt** *umg* li estis sufiĉe alkoholumita

**er säuft wie ein Loch** *derb* li drinkas kiel truo

**halt die Schnauze!** *vulg* fermu vian buŝaĉon (*od auch* faŭkon)!

**lieben** *tr* ami; *gern mögen, gern tun* ŝati; *sex* amori

d) österreichischer und schweizerischer Sprachgebrauch /in Auswahl nach Klappenbach, WdG/

*Bsp:* **Entree** *n österr* enirejo; *Vorzimmer* antaŭĉambro; *Korridor* koridoro; *Eintrittsgeld* enirpago

**Saaltochter** *f schweiz* kelnerino [en manĝosalono]

e) Regionalismen/Schreibvarianten als Verweiseinträge

*Bsp:* **Kratzbeere** *f reg* = **Brombeere**
**Borretsch** *m* = **Boretsch**

f) Lexik aus Fachsprachbereichen, die in die Allgemeinsprache hineinreicht

*Bsp:* **Demarche** *f meist Dipl* demarŝo
**dribbeln** *intr Sport* dribli
**Ersttagsbrief[umschlag]** *m, Fachspr auch* **FDC** *Philat* unuataga *koverto* (*Abk* UTK)
**Lochstreifen** *m EDV* trubendo; **~leser** *m EDV* trubend-legilo

g) Neuprägungen im Deutschen [und Esperanto]

*Bsp:* **Autofriedhof** *m* aŭtotombejo // Nahrungskette *f Biol* nutroĉeno// **Killer** *m* [profesia *bzw.* dungita] murdisto // **weiche Mondlandung** mola surluniĝo // **Raumflugplatz** *m* kosmodromo // **Umweltprobleme** *n/Pl* naturmediaj problemoj *Pl*

Das Wörterbuch kostet 18,– M und ist über den Buchhandel zu beziehen.

---

## Kial Esperanto havas la vorton bedaŭri?

Bernard Golden

La verbo *bedaŭri* estas difinita en *Plena Ilustrita Vortaro* jene: 1. ĉagrene sentadi la perdon de iu aŭ io"; 2. „sentadi ĉagrenon pro io, kion oni faris aŭ ne faris". Ĝi estas Fundamenta vorto, registrita en *Universala Vortaro* La etimo de la radiko *bedaŭr* estas la germana verbo *bedauern*. Rilate tiun ĉi radikon estiĝas grava demando: kial Zamenhof elektis ĝin por sia lingvo? *Bedaŭr* apenaŭ estas internacia laŭ la kriterioj starigitaj de la aŭtoro de Esperanto en la Antaŭparolo al la „Unua Libro". Cetere, la germana vorto diferencas de samsignifaj vortoj en aliaj ĝermanaj lingvoj: *regret, be sorry* (angla), *betreuren* (nederlanda), *beklaga* (sveda), *beklage* (norvega).

Esperantologoj trovas kvin ĉefajn kialojn de la uzo de ĝermandevenaj leksikaj elementoj en la karakterize latinida vortprovizo de Esperanto.

1. Zamenhof volis eviti homonimecan kolizion kun antaŭe elektitaj radikoj. Ekzemple, ne povante uzi *ano* de la latina *annus* pro la ekzisto de la sufikso *an,* Zamenhof formis *jaro* surbaze de la germana vorto *Jahr*.
2. Zamenhof ne trovis taŭgajn vortojn por kelkaj signifoj en la latinidaj lingvoj, do li uzis ĝermandevenajn vortojn. Ilustras tiun ĉi procedon la radikoj *veter, bak, rajd, taŭg* kaj *jes*.
3. Zamenhof provis elekti samdevenajn radikojn por apartaj sen c-kategorioj, sed tiaj serioj estas tre maloftaj. Kiel ekzemplo estas kvin vortoj priskribantaj la tegumenton de animalo: *haŭto, ledo, felo, pelto* kaj *haro*. Ĉiu havas germanan etimon.
4. Zamenhof elektis kelkajn radikojn de ĝermana origino kiel *blu, brun, nord* kaj *sud,* kiuj jam eniris latinidajn lingvojn, do ili

estas komunaj al ambaŭ lingvo-familioj.

5. Zamenhof ĉerpis ĝermanajn radikojn el la leksikoj de aliaj planlingvoj publikigitaj antaŭ 1887.

Kompara ekzameno de latinidaj ekvivalentoj de *bedaŭri* montros, kiuj kialoj estas pravigeblaj.

franca — *regretter, déplorer, être fâché de*
itala — *rimpiangere, dolersi*
hispana — *deplorar, lamentar, pesar, sentir*
portugala — *deplorar, lamentar, sentir/ter pena*

Okulfrapa estas la radiko *deplor*, venante de la latina *deplorare*, kiu estas komuna al tri lingvoj. Ĉu Zamenhof evitis ĝin, ĉar estas eble erare analizi ĝin kiel kunmetaĵon de la prepozicio *de* kaj la verba radiko *plor*?

En sia propono por Reformita Esperanto en 1894, Zamenhof elpelis preskaŭ ĉiujn ĝermandevenajn radikojn, kaj en la kazo de *bedaŭr* li substituis al ĝi la radikon *regret*, komunan al la franca kaj angla lingvoj. Tio indikas, ke taŭga vorto ekzistas en almenaŭ unu latinida lingvo.

La tria kialo por la alpreno de ĝermanaj vortoj en Esperanto ne estas aplikebla en tiu ĉi kazo, ĉar ne ekzistas senckategorio, en kiu troviĝas *bedaŭr*. Ankaŭ la kvara kialo ne estas akceptebla, ĉar la germana *bedaŭern* ne eniris latinidajn lingvojn.

Ĉu la ideo uzi *bedaŭr* venis al Zamenhof post ekzameno de aliaj planlingvoj? Laŭ mia scio neniu projekto publikigita post Esperanto havas tiun radikon. La kvin plej bone konataj planlingvoj unuanime formas sian vorton surbaze de la franca etimo *regretter* same kiel Zamenhof faris en Reformita Esperanto: *regretar* (Ido), *regretar* (Occidental/Interlingue), *regreta* (Novial), *regrettar* (Interlingua/IALA), *rigri* (Neo).

Antaŭ la finpretigo de Klasika Esperanto en 1887, Zamenhof havis okazon ekkoni kelkajn pli fruajn planlingvojn, precipe Volapukon, kreitan de Johann Martin Schleyer en 1879. Sed la ekvivalentoj de *bedaŭri* en tiu lingvo estas *leglifön*, venanta de la angla *grief*, *liedön*, de la germana *leiden* kaj *pidön*, de la angla *pity*. Alia projekto, kiun Zamenhof plej probable konis estas Langue Internationale Néo-Latine de E. Courtonne, ellaborita inter 1875 kaj 1881. Tamen, tiu aŭtoro ĉerpis sian vortprovizon nur el jenaj latinidaj „fratinlingvoj": la franca, angla, itala, hispana kaj portugala. Estas, do, vane serĉi ĝermanajn radikojn en tiu latinida planlingvo.

Restas ankoraŭ unu projekto de la 19-a jc. kiu aperis pli ol du jardekojn pli frue ol la naskiĝo de Klasika Esperanto. Temas pri Mundografie de Heinrich von Gablenz, publikigita en 1864. En tiu skize prezentita lingvo troviĝas la radiko *bedur!* Ĉu Zamenhof inspiriĝis el tiu fonto?

decembro 1980

---

## Hinweis zum Esperanto-Lehrbuch

Das „Taschenlehrbuch Esperanto" erscheint Ende 1983 in der 3. Auflage, die ein unveränderter Nachdruck der 2. Auflage ist. Einige berechtigte Hinweise, vor allem zur Aussprachebezeichnung auf S. 21, werden in der 4. überarbeiteten Auflage Berücksichtigung finden. Aber bereits jetzt sollte für die Aussprache nicht das 'e' in Poree sondern wie in Lenz und nicht das 'o' wie in Motto sondern wie in Tonne als zu bevorzugende Aussprachevariante gewählt werden.

## Prüfungsanforderungen

Interessierte Kursleiter können beim Zentralvorstand folgende Materialien anfordern:

1. Prüfungsbedingungen für Abschlußprüfungen Esperanto, die sich am Niveau der Russisch-Abschlußprüfung der 10. Klasse orientieren.
2. Sprachkundigenprüfung Stufe G (Volkshochschule)
3. Sprachkundigenprüfung Stufe IIa (Volkshochschule)

## TRADUK - KONKURSO[1] TASKO 2.

# Aus den Thesen des ZK der SED zum Karl-Marx-Jahr 1983

*Wir ehren in Karl Marx den größten Sohn des deutschen Volkes. Er begründete zusammen mit Friedrich Engels den wissenschaftlichen Sozialismus, die wissenschaftliche Weltanschauung, die Theorie und das Programm der revolutionären Arbeiterbewegung zur Schaffung einer von Ausbeutung freien Gesellschaft.*

Entgegen bürgerlicher Zwecklegenden, wonach die Ideen von Marx an Wirkung verloren hätten, hat die Ausstrahlungskraft des Marxismus-Leninismus gerade in den letzten Jahrzehnten enorm zugenommen. Das bestätigen eindrucksvoll die Erfolge der drei revolutionären Hauptströme. In den sozialistischen Ländern wurden die gesellschaftlichen Verhältnisse entsprechend den Zielvorstellungen von Marx umgewälzt, bildet der Marxismus-Leninismus die Grundlage der gesellschaftlichen Strategie und wurde zur herrschenden Ideologie. Dadurch gewannen die Volksmassen zugleich den direkten Zugang zur Leitung der Gesellschaft.

Die gesellschaftliche Realität in den imperialistischen Ländern wird durch die tiefe Krise des Kapitalismus charakterisiert. Im siebenten Jahrzehnt seiner allgemeinen Krise hat sich eine besondere Art der Verflechtung von allgemeiner und zyklischer Krise herausgebildet. Es verstärken sich krisenhafte Erscheinungen in allen Bereichen des Lebens. Tiefe soziale Widersprüche im Kapitalismus, Massenarbeitslosigkeit und soziale Demontage haben die Aktivität breiter Massen der Werktätigen im Kampf gegen das Kapital, um ihre Rechte und Existenzbedingungen erhöht. Die Welt des Kapitals von heute ist durch tiefe Klassenwidersprüche und harte Klassenkämpfe gekennzeichnet. Wie selten vorher wird damit die Richtigkeit der Marxschen Theorie und ihre Aktualität bestätigt. Auf der Suche nach Lösungswegen im Kampf für soziale Sicherheit und Frieden wenden sich neue Massen dem Marxismus-Leninismus zu. War der europäische Kontinent die Wiege der Theorie und Praxis des Sozialismus, so hat er längst Weltweite Verbreitung gefunden und besitzt in Asien, Lateinamerkia und in Afrika starke Bastionen.

---

Alle Erfahrungen unserer Epoche bestätigen voll und ganz Marx' fundamentale Erkenntnis, daß die Arbeiterklasse vor allem eine revolutionäre Partei braucht, „um den Triumph der sozialen Revolution und ihres höchsten Zieles, der Aufhebung der Klassen, zu sichern". Nur mit einer Partei, die sich vom wissenschaftlichen Sozialismus leiten läßt, war die Arbeiterklasse in der Sowjetunion und den anderen sozialistischen Ländern in der Lage, ihre welthistorische Mission in Angriff zu nehmen und Schritt für Schritt zu verwirklichen.

[1]) Bedingungen siehe in der esperantist 1/1983 (117), S. 8

## Laste aperis

— The language problem in the non-aligned movement. Some recommendatios. Tibor Sekelj, Rotterdam. UEA. 1981, 12 p. Esperanto-Dokumentoj 26A
— 1300 jaroj de la bulgara ŝtato 681 — 1981. Prelegoj. Ŝumen, Distrikta Estraro de Bulgara Esperanto-Asocio. 1981, 96 p.
— Moderna Kroatia Prozo. Red. Ivan Krtaliĉ. El la kroata trad. Roger Imbert, Zagreb: Internacia Kultura Servo 1979, 606 p.
— Privilegia vojo al lingvoscienco: Esperanto. Vilho Setälä. Helsinkia Fondumo Esperanto 1981 (5-a int. eldono), 128 p.
— La Sonetoj/The Sonnets. William Shakespeare. El la angla trad. William Auld. Pisa, Edistudio 1981, 326 p. Dulingva.
— Tito: La legenda militestro. Div. autoroj. Trad. R. Trifunjagiĉ kaj B. Popoviĉ. Sarajevo: Esperanto-Ligo de Bosnio kaj Hercegovino 1981, 90 p.
— Tito por unueco kaj autentaj principoj. Trad. S. Čoliĉ. Sarajevo. Esperanto-Ligo de Bosnio kaj Hercegovino 1980, 43 p.
— Unua kompleta listo de Volapük-gazetoj kaj listo de la Volapük-literaturo. Johann Schmidt. Saarbrücken. Artur E. Iltis 1981. 4 + 56 + 9 p.
— Versaĵoj kaj prozo Hô Chil Minh. El la vjetnama kaj franca trad. Daq Anh Kha, Nguyen Minh Kinh kaj Dang Dinh Dam. Hanojo: Fremdlingva Eldonejo „Ruĝa Rivero" 1980, 130 p.
— Vjetnama Socialisma Respubliko. El la vjetnama. Hanojo: Fremdlingva Eldonejo 1980, 272 p. + mapo + 20 p. da ilustraĵoj.
— Esperanto — eine lebendige Sprache: Einführungskurs nach der Methode Midgley. Prilaboris Heinz Dieter Hartig. Germana Esperantista Fervojista Asocio. 1981, 2-a reviziita eldono. 52 p.
— Historio de SAT 1953 — 1981. Laroque Timbaut. Broŝurservo de SAT 32 p.
— Imaga dialogo Marks/Bakunin. Maurice Cranston. El la angla trad. D. C. Laroque Timbaut: Broŝurservo de SAT, 1982, 32 p.
— Nudpieda Gen. Keizi Nakazawa. Trad. el la japana Yukio Izumu, Tokio: Rondo Gen. 1982. 4 + 284 p. Bildstria romano pri la familio Nakaoka, kiu spertis la unuan eksplodon de atombombo super Hiroŝimo en 1945.
— Oklingva nomaro de eŭropaj birdoj. Béla Mészáros. Debrecen. 1980, 140 p. Terminaro kun birdonomoj en angla, ĉeĥa, Esperanto, germana, hungara, latina, pola kaj rusa.
— Rakontoj de velkinta folio. Vasilij Eroŝenko. Beijing: El Popola Ĉinio. 1981, 73 p.
— Liberté, ou autorité dans l'evolution de l'Esperanto. Doktoriga disertacio de Francios Lo Jacomo (Sorbonne, Paris), 384 p.
— Esperanta lernolibro. Kompilis Ĉina Esperanto-Ligo. Beijing: El Popola ĉinio. 1981, 12 + 425 p.
— Fragmentoj el la revuo „Soveta Uzbekistano". El la uzbeka. Taŝkento: Uzbeka Asocio de Amikeco kun Eksterlando. 1981. 44 p.
— La historio kaj la ideo de lingvo internacia. Kozo Futatsugi Mainiĉi Ŝimbun, 1981. 262 p. japanlingva.
— Imenlago. Theodor Storm. El la germana tr. Alfred Bader. Beijing: El Popola Ĉinio. 1981. 45 p.
— Infanpsikologio: Elektitaj temoj. Margarete Landmark. Liège: Someraj Universitataj Kursoj, 1978, + 188 p.
— Junulara Kantareto. 3-a kajero. Red. Josef Cink, Ŝumperk: Esperantista Klubo. 1980. 48 p. (kun muziknotoj)
— Miedzynarodowa Komunikacja jezykowa. Materialy poseminaryne. Red. Tadeusz Ejsmont. Lodz: Uniwersytet Lódzki, 1981, 184 p. 14 represaĵoj.
— La morto kaj la kuracisto. Jenö Heltai. El la hungara trad. Ladislao Somlai. Budapest: Hungara Esperanto-Asocio, 1981, 17 p. ISNB 963 571 0909
— Per kanto al Esperanto. Red. Wojciech Tomaszboski kaj Wieslaw Tomaszewski. Varsovio: Pola Esperanto-Asocio. 1980, 126 p. (kun muziknotoj)
— Progresiga kurso. William Auld. Brasilia, 66a, UK, 1981, 11 p. Notoj kaj ekzercoj.
— Regulus. Lorjak (= J. Mahé.) Ascoli Piceno: Gabrielli, 1981. 340 p. Romano el la 17-jarcenta Parizo
— Unua Simpozio pri Komputiko. Red. C. Bertin. Rennes, 1981, 269 p. 19 referaĵoj, reproduktitaj laŭ tajpitaj manuskriptoj.
— Vibraj momentoj. 12 skizoj kun studmaterialo. Johan Hammond Rosbach. Oslo. Esperantoforlaget 1981, 83 p. Progresiga legolibro.
— Vizaĝoj. Ivo Andric. El la serba tr. Roger Imbert, Sarajevo: Esperanto-Ligo de Bosnio kaj Hercegovino. 1981, 61 p. ok noveloj.
— Brazilaj geografiaj nomoj. Délio Pereira de Souza. Brasilia: Laborgrupo „Antaŭen", 1981, 72 p.
— El subaj fontoj. Eli Urbanová, Prago: Ĉeĥa Esperanto-Asocio, 1981. 96 p. Versaĵoj. (Ricevebla ĉe GDREA, 4 markoj)
— La jaro 1982. Praktika poŝkalendaro. Red. Stefan Maul. Brasschaat: (TK (Stafeto. 1981. 160 p. ilustrita)
— Mondekonomio. Red. Martin Haase. Rotterdam: TEJO 1981. 67 p. ilustrita. Materialo de TEJO-seminario pri Nova Internacia Ekonomia Ordo.

# FILATELO

## Poŝtaj kartoj de GDR kun E-surpresoj

| | | |
|---|---|---|
| 1978—12 | Medicina Fakrondo ruĝa kaj verda) | 10 pfenigoj |
| 1979—6 | Eldiro pri Galen | 10 pfenigoj |
| 1980—1 | Descartes (Cartesius) | 10 pfenigoj |
| 1980—1 | sama | 25 pfenigoj |
| 1980—3 | IFER 80 | 10 pfenigoj |
| 1980—3 | E — Weltfrieden | 10 pfenigoj |
| 1980—4 | E dient dem Frieden | 10 pfenigoj |
| 1980—4 | E — terglobo | 10 pfenigoj |
| 1980—5 | F. Bacon | 10 pfenigoj |
| 1980—5 | F. Bacon | 25 pfenigoj |
| 1980—6 | Kalocsay | 10 pfenigoj |
| 1980—6 | Kalocsay | 25 pfenigoj |
| 1980—6 | 2a Med. Konferenco | 10 pfenigoj |
| 1980—11 | Platon | 10 pfenigoj |
| 1980—11 | Platon | 25 pfenigoj |
| 1980—12 | Nuda inter lupoj (germane) | 10 pfenigoj |
| 1980—12 | Nuda inter lupoj (esperante) | 10 pfenigoj |
| 1981—1 | Ch. Richet | 10 pfenigoj |
| 1981—1 | Ch. Richet | 25 pfenigoj |
| 1981—3 | IFER 81 | 10 pfenigoj |
| 1981—4 | Ludwig-Renn-saluto | 10 pfenigoj |
| 1981—4 | GDR-E-Konferenco | 10 pfenigoj |
| 1981—4 | Jubileo GLEA | 10 pfenigoj |
| 1981—5 | Fondiĝo EA de GDR | 10 pfenigoj |
| 1981—5 | Fondiĝo EA de GDR | 25 pfenigoj |
| 1981—7 | III-a IMEK | 10 pfenigoj |
| 1981—7 | III-a IMEK | 25 pfenigoj |
| 1981—9 | Bulgario 1300 jaroj | 10 pfenigoj |

Filatelistoj ne nur kolektas poŝtmarkojn, sed i. a. ankaŭ poŝtkartojn. Supre mencitaj estas normalaj poŝtaj kartoj kun surpresitaj nominaloj de 10 kaj 25 pfenigoj. 10 pfenigoj estas enlanda tarifo k al socialismaj landoj, 25 pfenigoj tarifo al kap. landoj en la tuta mondo.

La surpresitajn Esperanto-tekstojn iniciatis diversaj distriktaj estraroj de Kulturligo. Intertempe montriĝis, ke ekzistas specialaj kluboj ĉe la filatelistoj, kiuj kolektas ĝuste tiajn tutaĵojn kaj nun ege serĉas niajn E-pk. Parte ili jam estas katalogitaj en specialkatalogoj de tutajoj en kategorio „C". Tamen la plej multaj ne estas konataj al la filatelistoj, ĉar la kartoj nur servis al korespondaj celoj de la Esperantistoj. Ili hodiaŭ aperas en eldonkvanto de ĉirkaŭ 4 mil ekz. Ekzistas tamen eldonoj kun nur 250 ekz., tial estas relative malfacile, akiri hodiaŭ ĉiujn. — Burmeister —

---

— Mondo kaj koro. Kálmán Kalocsay. Saarbrücken: Artur E. Iltis 1981. (fotorepreso), 32 p.

— La luzidoj. Luiz Vaz de Camoes (1524 — 1580). El la portugala trad. L. H. Knoedt Chapecó: Fonto. 1980, 464 p. Portugala ĉefverko

— Nguyen Trai. Unu el la plej belaj figuroj de la vjetnamaj historio kaj literaturo. El la vjetnama tr. Nguyen Minh Kinh kaj Dao Anh Kha. Hanojo: Fremdlingva Eldonejo Ruĝa Rivero. 1980, 101 p. (Havebla ĉe GDREA por 2 markoj)

— Proverbaro franca-Esperanta, kun aldono: Esprimoj sankciitaj de l'uzado. Lucien Bourgois. Noyelles-Godault: Nordfranca Esperanto-Federacio 1981, 47 p., ilustr.

— Ridi vjetname. El la vjetnama. Hanojo: Fremdlingva Eldonejo. 1981. 66 p. ilustrita. (Havebla ĉe GDREA, 1 marko)

## La Esperantaj poŝtkartoj de GDR

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | Med. Fakrondo | 11 | Platon | 21 | Bulgario 1500 |
| 2 | Galen | 12 | Apitz (germane) | 22 | Heine |
| 3 | Descartes | 13 | Apitz (esp) | 23 | Leibniz |
| 4 | IFER 80 | 14 | Richet | 24 | IFER 82 |
| 5 | E-Mondpaco | 15 | IFER 81 | 25 | MEM-1.9. |
| 6 | E-Frieden | 16 | Renn | 26 | Dresden 82 |
| 7 | E-Terglobo | 17 | IIIa GDR-Konf. | 27 | Ostwald |
| 8 | Bacon | 18 | GLEA | 28 | Seminario |
| 9 | Kalocsay | 19 | GDREA Fondiĝo | 29 | Foto UK 1909 |
| 10 | IIa Konf. MFR | 20 | IIIa IMEK | 30 | Faŭsto |

Noto: Inter la filatelistoj estas multaj, kiuj kolektas speciale t.n. „tutaĵojn", al kiuj apartenas ankau poŝte eldonitaj kartoj. Ekzistas specialaj katalogoj, kiuj sub kategorio „C" notas pk-n kun privataj surpresoj. Al tiu kategorio apartenas ankau la E-pk de GDR.

## La poŝtaj Esperanto-stampoj de GDR

(Numeroj laŭ la Internacia Esperantofilatela Katalogo)

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 1 | Karl-Marx-Stadt 1 | 1967 | 6-15.10 | 80 jaroj Esperanto |
| 2—1 | Glauchau | 1970 | 3-10.9 | E-renkonto GDR 70 (maŝinstampo) |
| 2—2 | Oschatz | 1970 | 11-20.9 | E-renkonto GDR 70 (maŝinstampo) |
| 2—3 | Wismar | 1970 | 21-30.9 | E-renkonto GDR 70 (maŝinstampo) |
| 3 | Leipzig 1 | 1979 | 9-14.3 | IFER 79 |
| 4 | Finsterwalde 1 | 1979 | 4-10.7 | 2a IMEK en Hungario (viola k nigra) |
| 5 | Finsterwalde 1 | 1980 | 5-12.1 | 15 jaroj E en Kulturligo (Descartes) |
| 6 | Leipzig 1 | 1980 | 7-14.3 | IFER 80 |
| 7 | Karl-Marx-Stadt 1 | 1980 | 5-12.5 | 15 jaroj E en Kulturligo (vi k ni) |
| 8 | Karl-Marx-Stadt 1 | 1980<br>1980 | 5-11.6<br>11.16 | 2a renkonto de E-medicinistoj (vi k ni)<br>Fuŝdato (Kalocsay) |
| 9 | Leipzig 1 | 1980<br>1980 | 15.12<br>15.12 | Tago de la E-libro (maŝinstampo) |
| 10 | Leipzig 1 | 1980 | 15.12 | Nuda inter lupoj |
| 11 | Finsterwalde 1 | 1981<br>1981 | 5-12.1<br>1.7 | IFER 81 |
| 12 | Leipzig 1 | 1981 | 13-15.3 | 3a IMEK en Bulgario (Richet) |
| 13 | Karl-Marx-Stadt 1 | 1981 | 16.4-24.5 | 75 jaroj Laborista E-Movado (vi k ni) |
| 14 | Potsdam 1 | 1982 | 24.2-1.3 | 3a renkonto de E-medicinistoj |
| 15 | Leipzig 1 | 1982 | 12-18.3 | IFER 82 (Goethe) |
| 16 | Dresden 1 | 1982 | 18-23.9 | 1a Regiona Renkonto (vi k ni) |
| 17 | Bad Saarow-P. 1 | 1982 | 7-12.12 | Sciencteknika Seminario (Forel) |
| 18 | Leipzig 1 | 1982 | 15.12 | Tago de la E-Libro (Goethe) |
| 19 | Leipzig 1 | 1983 | | E-Renkonto IFER 83 (Dimitrof) |
| 20 | Erfurt | 1983 | | E-Renkonto GDR 83 |

Krom la supre inter krampoj cititaj famaj personoj aperas portretoj de famuloj en la stampoj n-roj 4 (Galenus), 7 (Bacon), 13 (Renn), 14 (Leibniz)

Esperanto-filatelaĵoj

La Internacia Esperantofilatela Katalogo, kiun eldonis Esperanto Ligo Filatelista, citas 637 poŝtajn E-stampojn el 35 landoj plus 5 alispecajn stampojn (unuatagaj —, reko — kaj poŝtkontoraj stampoj,) plus 29 afrankostampojn. Krome tiu katalogo enhavás liston pri ĉiuj ĝisdate eldonitaj 65 E-pm, 5 el tiuj troviĝas surpresitaj sur pk. La katalogo plie avertas pri nepoŝtaj eldonoj de „Insulo de la rozoj", „Privata Post Servo", „Esperantujo-Kavalkaselle", „Fujeira-folio", „Atlantis kaj Lemuria", „Mondregistera Poŝto".

Baldaŭ aperos E-Tutaĵkatalogo, kiu listigas ĉiujn poŝtajn kartojn kaj kovertojn kun oficialaj poŝtaj tekstoj en E.

*Miroslav Malovec*

## Pri poresperanta informado

Informi la publikon pri la IL estas problemo pro kiu multegaj gesamideanoj penigas sian cerbon, sendadas artikolojn al la nacilingva gazetaro, arangas publikajn prelegojn, eldonas priesperantajn broŝuretojn, flugfoliojn kaj afiŝojn, sed tamen denove kaj denove ili konvinkiĝas, ke tio ne sufiĉas, ke la publiko ne sole ne interesiĝas pri nia movado, sed havas pri Esperanto tute konfuzitajn kaj deformitajn imagojn, ke oni ofte eĉ tute ne scias ke iu Esperanto ekzistas.

La esperantistaro ŝatas emfazi ke por propagandi la IL oni bezonas ne nur paroli pri Esperanto, sed ĉefe per Esperanto. Certe bonega ideo, sed havas unu malavantaĝon: ke al la neesperantista publiko oni ne povas turniĝi per Esperanto, sed nur nacilingve. Kion fari tiukaze? Ekzistas nacilingvaj broŝuretoj pri la IL, sed tiujn legas eĉ ne ĉiuj esperantistoj. Ĉu povas la plejparton de la publiko interesi artikoloj pri Zamenhof, pri niaj kongresoj, pri la signifo kaj estonteco de Esperanto? Ĉu povas tiaj artikoloj pruvi kvalitojn de la lingvo? Ĝian senutopiecon? Ĝian utilecon?

En mia naskiĝlando, Ĉeĥoslovakio, apud la rusa estas plej multe lernataj la germana kaj la angla. Ne nur pro tio, ke ili estas mondlingvoj parolataj de multegaj milionoj da homoj. Ja aliaj mondlingvoj, ekzemple la franca kaj hispana, estas lernataj senkompare malpli. La kaŭzo estas en la kultura influo je nia nacio. Ĉeĥoslovakio najbaras kun tri germanlingvaj ŝtatoj, kaj kvankam kun neniu anglalingva, tamen la anglalingva literaturo, kaj faka kaj beletra, atingas nian landon preskaŭ en la sama kvanto kiel la rus- kaj germanlingva. Dank al la ĉeĥigitaj tradukoj kaj praktika eluzo far niaj fakuloj la tri lingvoj servas al ĉiu ano de nia nacio kulture, fake kaj kiel informfontoj. Ĉiu tion sentas, eĉ se li mem ne scias tiujn lingvojn, kaj tiu sento motivigas multajn al studado.

Sed kiu — krom la esperantistoj — sentas influon kaj utilecon de Esperanto? Ni kutimas rakonti al la publiko pri niaj Esperanto-aranĝoj, dum kiuj ni efektivigis peresperantan komunikadon. Sed kie restas **la konkretaj fruktoj** de la komunikado? Kian utilon havas el ĝi la nacioj kaj iliaj unuopaj anoj? Tiel oni prave povas demandi nin. Niaj priesperantaj broŝuretoj kaj gazetartikoloj ne estas sufiĉa respondo, ĉar ili ne estas fruktoj de la komunikado, sed nur promesplenaj allogiloj.

Ĉu Esperanto ne havas sian literaturon? Sian gazetaron? Ĉu ne estas en ili kontribuaĵoj politikaj, sciencaj, teknikaj, sportaj kaj artismaj, kiujn ni povus prezenti al la nacilingva publiko? Ĉu ni kapablas nur paroli pri ili kaj pri Esperanto-aferoj? Ĉu ne povus ekzisti nacilingvaj magazinoj, kiuj prezentus de tempo al tempo al la publiko elesperantigitajn utilaĵojn?



### Faka apliko

Hospitado en alia hospitalo estas la plej efika metodo por praktika spertinterŝanĝo. Ĝi estas kutima parto de ĉiu medicinista klerigado kaj malhelpas stagnadon en la ĉiutaga rutino. Ĝenerale ĝi nur eblas en la propra lingva regiono aŭ se la gasto regas la lingvon de la gastiganta kolektivo. Vizito trans limon ne eblas, almenaŭ ne por simpla ergoterapiistino, ĉar necesas tradukisto, kiu regas ambaŭ lingvojn. Sed, — ekzistas solvo por tiu ĉi problemo: Laŭ invito de ĉefkuracisto en slovaka psikiatria hospitalo ergoterapiistino el Berlin vizitis rehabilitacian sekcion en Volké Záluže. Flegisto el la tiea viro-psikiatria sekcio funkciis kiel interpretisto (tradukisto). Per lia helpo ŝi interparolis kun kuracistoj-psikologoj kaj ergoterapiistoj kaj gaste spertis la praktikadon de 6 diversaj specialaj metodoj, kiuj ankaŭ en GDR estas pli malpli konatai kaj aplikataj, sed laŭ detaloj surfiĉe diferencaj por ebligi fruktodonan spertinterŝanĝon.

Kromefikoj:

1. La flegisto, kiu dum multaj jaroj laboras en tiu hospitalo, unuan fojon konatiĝis kun ties speciala sekcio pri psikoterapio.
2. La neesperantista kolegaro unuan fojon spertis Esperanton kiel funkciantan pontolingvon, kaj plurfoje aŭdeblis la konkludo: „Ni fine lernu Esperanton!“

W. Dehler

---

### Seminario AEST '84 en Brno

La scienca-teknika sekcio de Ĉeĥa Esperanto-Asocio aranĝas seminarion pri apliko de Esperanto en scienco kaj tekniko (AEST '84) de la 31-a de aŭgusto — 2-a de septembro 1984 en Brno sub la temo „Perspektivoj de la monda nutraĵ-produktado“. La dua sekcio de la seminario estos dediĉita al problemoj de la faka Esperanta terminologio kaj tradukado. Aŭtoroj de prelegoj ricevos detalajn instrukciojn, kiel pretigi la manuskripton kaj desegnaĵojn. La prelegmanuskriptoj preparitaj laŭ la instrukcioj kaj venintaj antaŭ la 15-a februaro 1984 estos enpresitaj en speciala kolekto da referaĵoj, kiun ricevos ĉiu partoprenonto antaŭ la seminario. La seminario okazos en sindikata kulturdomo, la tranoktoj en moderna studenta hejmo. Aliĝilojn kaj pluajn informojn petu de inĝ. Zdenek Pluhař, CS-507 51-Holovousy v Podkr. 109, ČSSR.

# Amikecon rekompence por vivo

Ĉe mia unua vizito en GDR mi spertis nekutiman epizodon kaj naskiĝon de la bela sento, kiun oni nomas amikeco.

Mi estis tiam partoprenantino de la internacia junpionira tendaro en Bollmannsruh. La tendaro situis en bela medio ĉe lagobordo. Dum la tuta restado regis sunplena vetero kaj ni do pasigis ĉiun liberan momenton ĉe la akvo.

Por la kvara tago de nia restado estis planita ekskurso en Berlinon. Antaŭ la forveturo ni ankoraŭ iris iom bani nin. Post momento venis al ni mia lerneja kamadarino Ivana, jam feste vestita por la ekskurso. Ŝi eksidis enombre, ĉar dum la antaŭtago la sunardo konsiderinde bruldifektis ŝin. Ni plene ĝuis la akvoplezurojn kaj ĉesis percepti la ĉirkaŭaĵon.

El nia farado elŝiris nin plaŭdfalo en la akvon. Kelkaj el ni turniĝis kaj ekvidis Ivana-n naĝanta en la lago ... en sia bela robo. Ni ekridis, sed la rido baldaŭ nin forlasis. Ivana naĝis al soleca ringo ne malproksime de la bordo, momentojn ŝi luktis kun io subakve kaj per unu brako klopodis naĝi al la bordo. Tiam ni ekkomprenis, ke tiu „io" estas eta, proksimume kvinjara kreaĵo. Surborde Ivana transdonis ĝin al la timigita patrino.

La posttagmeza ekskurso en Berlino sukcesis. Mi pruntis al Ivana mian robon. Post la reveno atendis nin dum la vespera vicordiĝo surprizo. Ivana estis laŭdata kaj dum ŝi estis alprenanta honoran diplomon, aperis el la amaso knabineto kun bukedo. Hilde — tia estis la nomo de la eta dronintino — transdonis al Ivana rozojn kaj dankis al ŝi germane. Estis senutile traduki al ni tiujn dankvortojn. Ĉiuj komprenis kaj en la okuloj de Ivana larmoj ekbrilis. Ĝi estis emocioplena momento, kiu ne bezonis vortojn.

Post proksimume du tagoj Hilde kun la panjo venis adiaŭi al Ivana, ili estis veturontaj hejmen. Ili interŝanĝis siajn adresojn kaj ilia korespondado daŭras ĝis hodiaŭ. Unue la patrino skribis la leterojn, kion Hilde faras, kaj de kiam la etulino komencis frekventi lernejon, ŝi mem skribas belajn leterojn.

Tiel naskiĝis bela amikeco kaj Hilde certe neniam forgesos, ke le ĉeĥa Ivana savis ŝian vivon.
J. R. /en Kladno, ĈSSR/

Postnoto de la tradukinto /J. Mařík/: ekzistas epizodoj, kiuj kreas fortan amikecon internacian. Estas nia celo la interpopola amikeco. Tial mi tradukis la rakonton de la anonima junulino el „Svět v abrazech" /Mondo en bildoj/, Praha, por la legantoj de „d. e.", kiu ja estas legata krom en GDR tra la landoj ĝis Kamĉatko.
Jaroslav Mařik

---

**Aperis la Politika Deklaro**

Ĉeĥa Esperanto-Asocio aperigis en esperanta traduko de Vladimir Samodaj (laŭ la rusa originalo) la Politikan Deklaron de la ŝtatoj-anoj de Varsovia Kontrakto, kiu estis akceptita la 5an de januaro 1983. La broŝuro estas senpage havebla ĉe Ĉeĥa Esperanto-Asocio, Ĉs-110 01 Praha 1, Jilská 10.

**Satiro de V. N. Devjatnin**

# Gramatikisto

Simile al sia kamarado poeto, li ankaŭ dum kelkaj monatoj profunde studis Esperanton. La ideo de lingvo internacia ĝenerale al li tre plaĉas, kaj d-ro Zamenhof sufiĉe sprite efektivigis tiun ideon. Tamen la fako pri afiksoj ne povis plene kontentigi la gramatikiston. Ekzemple: sufikso *-er* signifas malgrandan parton, elementon de objekto. Tre bone, sed tiaokaze estas necese ŝanĝi ĉiujn radikvortojn, kiuj finiĝas per *-er*, ĉar alie multaj vortoj havas duban sencon. Efektive: se mi diros papero, kulero, kolero, sukero, — ne spertaj esperantistoj povas pensi, ke mi parolas pri eroj de papo, kulo, kolo, suko.

Ankau sufikso *-ing* iafoje estas uzata ne tute ĝuste. Ekzemple, piedingo ne estas „speco de ringo, pendanta sur rimeno ĉe la selo", kiel klarigas Kabe en sia „Vortaro de Esperanto", sed povas esti nur ŝtrumpo, ĉar oni enŝovas en ĝin piedon, same kiel „maningo" devas signifi ganton.

Sufikso *-an* ankaŭ ne estas bone elektita, ĉar se mi, ekzemple, aŭdas la vorton „Rumano", mi tute ne scias, ĉu oni parolas pri loĝanto de Rumanujo, aŭ pri adepto, amatoro de rumo?

Same malbonaj estas kelkaj aliaj sufiksoj. Jen — kelkaj specimenoj: „dieto" — sindenteno de manĝaĵoj, aŭ malgranda dio? „kolego" — granda kolo, aŭ kamarado? „kometo" — astro, aŭ malgranda komo? Se ni logike pensas, ni devas nomi komon kometo, kaj kometon — komo, aŭ eĉ komego, ĉar ĝi estas treege granda. Sed prenu, ekzemple, la vorton veterinaro, kiu signifas kuracisto de bestoj. Se vie esploros ĝin gramatike, vi tuj vidos, ke en Esperanto ĝi havas tute alian signifon. Efektive: la radiko — vet; er — sufikso por elemento; in — virina sekso; ar — kolekto de samspecaj objektoj; o estas finiĝo; sekve veterinaro estas ne bestkuracisto, sed kolekto da virinseksaj eroj de veto — tute sensenca vorto! Do, similaj sufiksoj devas esti ŝanĝitaj, aŭ almenaŭ devas esti anstatauitaj la konformoj vortoj de la komune uzataj esperantaj vortaroj; sed tio estas jam speciala tasko de niaj vortaristoj. Tiamaniere la gramatikisto estis esploranta Esperanton. Nun li estas okuptata per verkado de sia propra gramatiko, kiu espereble aperos al la miljara jubileo de Esperanto.

---

**Misinvestaĵo**

Post kiam kelkaj el siaj libroj estis atingintaj altan eldonkvanton Mark Twain akiris bienon. Nun la enloĝantoj de najbara komunumo konstante petis la aŭtoron pri financa subteno por la plej diversaj projektoj de la loko.

Iam ili petis de li monon por plialtigi la muron kiu ĉirkaŭas la lokan tombejon. Sed Mark Twain respondis: „La projekton mi konsideras superflua. Kiu kuŝas tie, ne kapablas eliri. Kiu estas ekstere, ne emas eniri."

---

**An die Bezieher von „der esperantist" in der DDR**

Aufgrund eines Irrtums in der Etikettierstelle des Postzeitungsvertriebs haben einige Bezieher die Nummer 6/1982 doppelt erhalten. Wir bitten diese sehr herzlich, die überflüssige Nummer an den Zentralvorstand zurückzusenden, da diese dringend benötigt werden.

## Eĉ tio okazis

**Simia teatro**

Malkontenta kun sia rolo estis la gorilo „Gambar“ en la zoologica ĝardeno de Rochester, Usono. La 100 kilogramojn peza simio rompe malfermis la kradopordon de sia kaptejo, anstataŭis sin per kelkaj vizitantoj kaj rigardis ilin interesite de ekstere Bestflegistoj post duonhoro sukesis rekapti „Gambar“ -on kaj certigi la normalan staton.

**Malfideme**

En loka gazeto de la angla urbo Durham antaŭ nelonge legeblis: „Morgaŭ oni prezentos al niaj magistratanoj la filmon Neĝulino kaj la Sep Nanoj. Ili devas decidi, ĉu la filmo estas permesebla par infanoj sen akompano de siaj gepatroj.“

**Strange**

Veterprofeto estas la preskaŭ 50-jaraĝa papago „Kapitano“ el Havano. Ĉiam, kiam ĝi komencas fajfi certan melodion oni en la loĝkvartalo prenas la lavaĵon de sur la ŝnuroj, ĉar baldaŭ ekpluvos. Laŭdire la pluma „veter-ano“ neniam eraris.

**Mortinta**

Kiam la 68-jara pensiulo George Burnham telefone demandis ĉe la magistrato de Oxfordshire (Britio), kial li ne ricevis sian pension, oni respondis al li: „Ĉar vi estas mortinta!“ Je lia energia protesto la magistrato reagis per postulo de dokumenta pruvo, ke li estas ankoraŭ inter la vivantoj.
La administraci-teknikan morton de Burnham verŝajne kulpas la poŝto, kiu leteron de la impost-oficejo al Burnham resendis kun la surstampo „Mortinta!“

**Geedzigaj ondoj**

Je du diversaj tagoj amerikano en Point Reyes (Kalifornio) kaj sia fianĉino fariĝis geedzoj. Ambaŭ laboras ĉe la Marborda Servo, sed Diana deĵoras 8500 km for de sia Steve sur la insulo Guam. Ĉar ili estas disigitaj ne nur per la Pacifiko sed ankaŭ per la datuma limo, la fianĉo balbutis sian „jes“ ankoraŭ lunde, dum la kalendaro de la fianĉino jam anoncis mardon. La geedziga ceremonio okazis helpe de kurta ondo. Per tiu nekutima maniero la junedzo volis atentigi siajn ĉefojn je la neceso deĵorigi sian edzinon almenaŭ en pli proksima loko.

**Aŭtuna amo**

Kun la timema demando, en kiu aĝo kutime pasas la intereso por vigla ama vivo sin turnis 60-jara flegisto en hospitalo de Dayton (Ohio, Usono) al jarriĉa paciento. „Tion mi ne scias, pro tio bonvolu demandi pli aĝan homon“ respondis la maljuna sinjoro, kiu troviĝis en la hospitalo nur pro neservera operacieto. Tiu rekomendo evidente trankviligis la flegiston. La ankoraŭ tre gaja oldulo estis ja travivinta jam 109 printempojn. Pruvas la sincerecon de lia respondo, ke li spite de sia matura aĝo estas fakte junedzo. Nur antaŭ 5 jaroj li edzinigis 28-jarulinon.

(Trad. Linde Knöschke)

# Recenzoj

## PAG

Nekonata mallongigo? Jen — La „Plena Analiza Gramatiko de Esperanto", finfine ĝi aperis. Temas pri la kvara tralaborita eldono de la Plena Gramatiko de Esperanto, verkita de K. Kalocsay kaj G. Waringhien. La unua eldono aperis 1935 en Budapest (Plena gramatiko de Esperanto. Vorto kaj frazo, 371 p.) La dua eldono aperis 3 jarojn pose: Plena gramatiko de Esperanto, kun detala komentario pri vorto kaj frazo (489 p.). La „tria kompletigita eldono" restis fragmento (Plena gramatiko de Esperanto. La vorto kaj la frazo. Milano, 1958, 1964), aperis nur du el la projektitaj tri volumoj (362 p.).

Kaj la kvara eldoniĝis en Rotterdam (1980, 600 p.). Tiu kvara eldono estas tralaborita de Gaston Waringhien. Ĝi ne estas scienca gramatiko, ĉar tion ĝi ne celas esti. PAG estas detalega konsultlibro pri ĉiuj gramatikaj ecoj de la lingvo. Kiel Waringhien substrekas (certe ankaŭ en la nomo de la forpasinta kunaŭtoro) „La celo de nia verko neniam estis la starigo de ia ajn teorio, kaj ke nia tuta ambicio estis meti en la manojn de la Esperanto-parolantoj oportunan rimedon malkovri, kia estas la tradicia, klasika uzado pri ĉiuj punktoj de nia lingvo, kaj per kiaj tendencoj efektive esprimiĝas tiu ‚spirito de la lingvo', aludita de Zamenhof en lia letero al Borovko, kaj difinita kiel modelo de stilo en la „Deklaracio pri la Esenco de la Esperantismo". La kunekzistado (ne ĉiam paca!) de pluraj lingvistikaj sistemoj unuflanke, kaj, aliflanke, la zorgo pri la utiligebleco de nia verko por ĉia publiko, klarigas, kial ni decidis konservi nian prezentmanieron kaj terminologion, kiun ni cetere rafinis laŭ la postulo de la analizo . . ." (p. 15)

Kaj tiel la celo de PAG estas, ke ĝi kontribuu „al la stabiligo kaj unuecigo de nia lingvo, nenion deprenante de ĝia fleksebleco".

La tuta verko enhavas jenajn partojn:

A. La Fundamenta Gramatiko kun la iom revicigitaj 16 reguloj. (19 — 20)

B. La vorto (25 — 177) kun la subĉapitroj I Ortografio kaj interpunkcio, II Fonetiko, III Morfologio kaj sinetio

C. La Frazo (178 — 366) kun la subĉapitroj I Vortsintakso II propozicio-sintakso III frazsintakso

D. La vortfarado (367 — 528) kun la subĉapitroj I La vortkonsisto de la lingvo II La kunmetado III La derivado IV Kritiko de la Esperanta Vortfarado.

Sekvas I Indekso de la temoj (550 — 587), II Indekso de la referencitaj aŭtornomoj (588 — 592) III Indekso de la mallongigoj (591 — 592) kaj Iv Tabelo de enhavo (593 — 598).

La produktado de la verko okazis tute internacie. Eldonis ĝin UEA en Nederlando, kompostis ĝin firmao Intelekso en Brazilio, enpaĝigis kaj fotis la Grafika Centro de UEA en Belgio. Kaj oni presis ĝin en Ĉinio. La prezo de la verko estas 60 guldenoj, havebla ĉe UEA.

D. B.



## Schulz, Richard; Europäische Hochsprache oder Sprachimperialismus?

(Eŭropa ĉeflingvo aŭ lingva imperiismo?); 1a eldono, Gerlingen: Bleicher-Verlags-KG, 1979, 256 p.

Per ĉi tiu ĉefe germanlingva verko R. Schulz (konata kiel Rikardo Ŝulco, tradukinto de „La perdita honoro Katarina Blum" de H. Böll) prezentas sian duan priesperantan libron post „Mein geliebtes Esperanto" (Mia amata Esperanto). Memkompreneble indas demandi, ĉu valoras denove dediĉi al R. Schulz tiom da linioj (kp. Paco, GDR-numero, 1979). Mi ne volas respondi, nur aludi ke li sendube estas nova fenomeno priparolinda.

Sed pri la libro. Ĝi havas inform-propagandan karakteron, evidente celante konvinki la leganton pri la neceso kaj sendubeco de Esperanto kiel (okcident-) eŭropa interlingvo — aŭ pli ĝuste ĉeflingvo (Hochsprache = literatura, normita lingvo, ĉeflingvo). La aŭtoro unue skizas la lingvan situacion en la landoj de la Eŭropa Komunumo (EK) (p. 12 — 31, 63 — 73). Ene de tio li prezentas vicon da planlingvaj projektoj (p. 32 — 62). Poste li vortumos „optimumajn postulojn por estonta Eŭropa ĉeflingvo". Tiuj postuloj jam estas klare direktitaj al E-to, kiun li priskribas lingve (p. 83 — 92); 170 — 239) kaj movade (p. 94 — 140). La postuloj ne estas objektivaj, sed estas dekomence tiel starigitaj, ke la kompleto estas solvebla nur de Esperanto. Sekvas kelkaj ĉefe propagandaj ĉapitroj (p. 141 — 145; 153 — 163), bibliografio (p. 147 — 152), en kiu krom Kalocsay kaj Szerdahelyi mankas socialismalandaj aŭtoroj, kaj ĉapitro pri literatura tradukado (p. 240 — 248).

Juĝi pri la libro estas sufiĉe malfacile, ĉar ĝi ne estas homogena. Laŭdon meritas du eroj el la libro: La detala sufiĉe ampleksa priskribo de la lingva situacio en EK kaj due la didaktike tre lerta instruado pri E-to. Pri la altaj pedagogiaj kapabloj de la aŭtoro tiuj paĝoj pri la lingvo ne permesas iun dubon. Bedaŭrinde la listo da laŭdoj ĉi tie jam finiĝas. La kritikoj pli multas.

La libro sugestas ke E-to estu komuna lingvo de EK. Sed ĉu tio estas dezirinda? Se E-to iam estu tutmonde uzata lingvo, ne ligita al politikaj kaj ekonomiaj potencoj, tiam ĝi povas esti lingvo nek de ŝtato nek de ŝtataro. Ĉu ekzistas diferenco inter angla lingvo ligita al Usono kaj Britio kaj E-to ligita al EK? Tute ne. Schulz mem ja pentras fantomon: E-to kiel lingvo de la socialisma ŝtataro (p. 138). Sed la saman aferon, kiun li indikas negative (estigante malakceptan senton pri tio ĉe la leganto: la „monstro" de lingve unuigita oriento) ĉe socialismaj landoj, li volas atingi ĉe EK! Do ne: Eŭropa ĉeflingvo aŭ lingva imperiismo, sed eŭropa ĉeflingvo signifus novan kvaliton de la lingva imperiismo.

Mi jam menciis, ke R. Schulz evidentigas la aserton ke E-to estas optimuma, neplibonigebla lingvo (p. 84/85). Sed tiu aserto ne estas prava. Estas imageble, preskaŭ certe, ke el a ĉirkaŭ 1000 projektoj de planlingvoj iuj estas — laŭ lingva vidpunkto — pli bonaj ol E-to. Kio distingas E-ton, estas la praktika uzado, la 90jara elprovado kaj kompletiĝado.

La priskribo de la E-movado en socialismaj landoj estas nekonforme mallonge (7 p.) kompare kun tiu en la EK-landoj (29 p.). Ke pli ol duono el la organizitaj esperantistoj vivas en socialismaj landoj, estas almenaŭ menciinde. Kaj la Tria Mondo, ĉu ĝi entute ekzistas por R. Schulz? Ĉu li ankoraŭ ne eksciis, ke socialisma Vjetnamio apartenis al la plej grandaj produktantoj de E-libroj en la 60aj kaj 70 aj jaroj?

La 19a ĉapitro nomiĝas „Filozofiaj rigardadoj pri la strukturo de la internacia lingvo". Tamen la pretenda titolo seniluziigas. Tiu ĉapitro estas neniel filozofia. La leganto simple trovas pedagogie brilan enkondukon en la 16-regulan gramatikon.

Kiun ekzistorajton kadre de tiu libro havas la antaŭlasta (dudeka) ĉapitro pri apliko de E-to por literaturaj tradukaj, mi ne scias. Mi respektus la fakton, ke ĝi estas skribita en E-to. Sed la enhavo diskonigas nenion indan. Ke E-to estas utila por ĉiuj tradukoj — eĉ malbonaj — oni scias de Zamenhof, Grabovski, Kabe ... Kalocsay, Schulze. Ke tradukado ĉiam signifas rekreadon, ke diversaj tradukantoj diversmaniere rekreas tradukatan tekston, tio apartenas al la aboco de la tradukado. Memkompreneble oni retrovas la tipe ŝulcan esperantigon de nomoj, tute nekutiman por tradukoj kaj ofte riproĉatan. La ŝulca lingvaĵo ankaŭ de ĉi tiu libro enhavas konsiderindan nombron da germanismoj kaj nekutimaĵoj, kiuj estas eble ĝustaj laŭ pure lingva asbtrakta starpunkto sed neglektas certajn normajn fiksojn en la lingvo: „nenia homo per siaj privataj falsaj paŝoj povas havi iun influon", devus teksti: neniu homo povas havi iun/ian influon per siaj privataj malĝustaj paŝoj, p. 218. Ni esperu tion ankau por E-to kaj R. Schulz. **Lennartz**

## Monumento verko: La „Enciklopedio de Esperanto"

(Budapest 1979, 2-a eldono)

Dum la dudekaj jaroj la Esperanto-movado konsiderinde stabiliĝis kaj akiris relative grandan internacian disvastiĝon. La lingvo altiris la laboristan klason kaj fariĝis socia instrumento. Ĝi uziĝis pli kaj pli por fakaj celoj. Aperis bonegaj literaturaj verkoj. La universalaj kongresoj arigis 2000, eĉ pli ol 4000 (1924 en Nürnberg) kaj oni interesiĝis pri Esperanto ĉe la antaŭulo de UN, ĉe la „Ligo de Nacioj". Jam en tiu tempo tre forte sentiĝis la bezono pri superrigardaj faktoj-kolektaj kaj ordigaj verkoj pri tiu multflanka fenomeno Esperanto, pri kies vivoforto oni jam ne plu povis dubi.

Estis la ruso Ivan Ŝirjaev, kiu lanĉis la ideon verki iun superrigardan verkon pri Esperanto. La hungaro Vilmos Bleier, eldonisto de la fama „Literatura Mondo" kune kun sia samnaciano Ludoviko Kökeny (ankoraŭ vivanta, honora membro de UEA), subtenata de K. Kalocsay kaj tuta aro da diversnaciaj kunlaborantoj, redaktis tiun verkon, kiu famiĝis sub la titolo „Enciclopedio de Esperanto". Ĝi aperis en du volumoj: I. A — Ĵ 1933, II. K — Z 1934, entute 599 paĝoj kaj 290 fotopaĝoj.

La iniciatinto Ivan Genadieviĉ Ŝiraev (1877 — 1933) kiu ne ĝisvivis la aperon de la verko, mem pretigis 2092 alfabete ordigitajn artikoletojn. Ili formis la kernon de la verko. Pri sia motivo lanĉi la kompilon de tiu enciklopedio li skribis 1930 „Manko en nia literaturo de informlibro, kie Esperantistoj precipe kursgvidantoj kaj kursanoj, povos senpene kaj rapide trovi koncizajn kaj ĝustajn sciigojn, necesajn al ili pri kio ajn rilatanta al la Esperanto-movado, kie estus koncentrigitaj kaj eternigitaj biografiaj notoj pri kiel eble plej multaj memorindaj agantoj de la movado kaj cet., igis min entrepreni tiun ĉi malfacilan taskon, al kies plenumo mi dediĉis tutajn jarojn da laborado". (p. 7)

Kion do entenas la verko?

En la „Enciklopedio de Esperanto" oni trovas sennombrajn artikolojn kaj indikojn pri ĉiuj aspektoj de la lingvo Esperanto, pri ĝia lingva strukturo, la movado, literaturo k. k. p.

Ekzemple oni trovas biografiajn indikojn pri ĉirkaŭ 1500 esperantistoj, informojn pri pli ol 450 libroj, pri la internaciaj kaj landaj Esperanto-organizaĵoj kaj aktivaĵoj. La lingvistika parto, kiun redaktis K. Kalocsay, entenas konsiderindan esperantologian materialon. La artikolvortoj, alfabete ordigitaj kaj du indeksoj (a) laŭ personoj kaj (b) laŭ temoj ebligas facilan orientiĝon.

Do bone, kial skribi pri ja evidente monumenta sed hodiaŭ ne plu akirebla verko?

Nu — ĝi fariĝis reakirebla! Dank al Hungara Esperanto-Asocio, kiu ĝin 1979 reeldonis (sed fakte elliveris nur 1980). En la dua pure fotoofsetpresita eldono estas kunigitaj ambaŭ volumoj en unu. Mankas la fotopaĝoj.

Vilmos Benczik verkis „postparolon al la represo" atentigante pri la meritoj kaj mankoj de la verko, mankoj ja nepre relativigendaj pro la paso de pli ol 40 jaroj.

Jam pli ol 10 jarojn UEA planas la eldonon de plene reverkota enciklopedio, sub la ĉefredaktoreco de d-ro Ulrich Lins. Sed montriĝis ne rapide realigebla tiu plano. Intertempe (1974) aperis la moderna manlibro „Esperanto en Perspektivo" de I. Lapenna/U. Lins/T. Carlevaro (kp. miajn recenzojn en GDR-„Paco" 1975 kaj en „der esperantist" n-ro 70 (2/1975). Ĝi kaj la represita Enciklopedio formas neelĉerpeblajn informujojn. La Enciklopedio estas bele bindita (artledro, ortlitera titolpreso). Ĝi estas mendebla por 50 M ĉe Haus der Ungarischen Kultur, 1020 Berlin, Karl-Liebknecht-Straße 9. (L. Kökeny/V. Bleier/K. Kaloscay/I. Širjaev: Enciklopedio de Esperanto, vol. I + II, 2-a eldono, Hungara Esperanto-Asocio, Budapest 1979, 600 S. + IV, ISBN 9635710518).

D. Blanke

## Kibernetiko de la homa lingvo

Kompilita far d-ro H. Frank, Yashovardhan, R. Cziske
Budapest 1981, 192 p.

Mendebla ĉe Haus der Ungarischen Kultur, 1020 Berlin, K.-Liebknecht-Str. 9, prezo ĉ. 15 M)

La verko estas rezulto de la kunlaboro de la Instituto por Kibernetika Pedagogio (Paderborn) kaj Hungara Esperanto Asocio (Budapest), kiuj komune eldonis la komunikaĵojn de la IX-a Internacia Kongreso de Kibernetiko koncernantajn la Internacian Lingvon. Tiu kongreso okazis la 8-an — 13-an de septembro 1980 en Namur, utiligante Esperanton kiel trian laborlingvon apud la angla kaj la franca.

Tiu volumo enhavas la prelegojn de la simpozio „Kibernetika kaj naturaj kaj artefaritaj lingvoj" kaj pluajn referaĵojn el la kvar sekcioj „Principoj de kibernetiko kaj ĝenerala teorio de la sistemoj", „Kibernetiko en socialaj sistemoj", „Kibernetiko en inĝenieraj sciencoj", kaj „Kibernetiko en biologio kaj medicino". (La artikoloj en la angla kaj franca aparte publikiĝis; la recenzata volumo entenas apendice enhavliston de la ceteraj kongreskontribuoj.)

La prelegoj de ĉi tiu kongreso ampleksas vastan temaron: pri mezurado de informaĵoj, pri kibernetiko en pedagogio, pri la aŭtomata prilaborado de lingvaj tekstoj, pri juraj kaj lingvistikaj problemoj. Pro spacoŝparo mi nur traktas la enhavon de kelkaj artikoloj kaj poste rimarkigas ion pri la formo de la broŝuro.

En resuma prelego H. Frank referas pri la rilatoj inter kibernetiko kaj interlingvistiko. Esplorante la temojn, celojn kaj metodojn de ambaŭ fakoj li konkludas, de estas eble interligvistikon rigardi kiel parton de la lingvokibernetiko. Plue li okupiĝas pri la spektro kaj rolo de diversaj lingvoj kaj atentigas pri historiaj ligoj inter kibernetiko kaj „ILo".[1]) La miaopinie plej grava ĉapitro konsistigas la prezentadon de aŭtomata prilaboro de lingvo. En ĉi tiu parto la sistemo PREDIS estas prezentita, kiu kiel aŭtomata planlingva dokumentada sistemo respondas demandojn pri temoj kaj personoj el la klerigscienco. Pri la stato de aŭtomata traduko pere de SUSY H. D. Maas raportas traktante la problemon de senambiguigo de frazoj. En tiu fazo de tradukado ankaŭ Esperanto liveras similajn malfacilaĵojn kiel etnolingvo (plursencaj prepozicioj, nefiksa interpunkcio). Al tiu temaro ankaŭ apartenas la serĉado en vortaroj, por kiu R. Fischer indikas algoritmon ĉirkaŭ 14-oble pli rapidan ol jam konata. Plia prelego priskribas la sintezan generadon de parola lingvo el teksto kaj la aplikon de tiu tekniko kombine kun ekrano en pedagogio. La programadaj streĉadoj por atingi altan sonkvaliton estas malgrandaj por Esperanto kaj la hispana, esence pli grandaj por la itala kaj la rusa, dum la angla necesigas la uzon de fonetika skribo. Same por instruado estas lanĉita aparata sistemo disvolvita en Francio por komputila rekono kaj procezado de parolo.

La valoro de tiu libro preskaŭ ne malpliiĝas pro preseraroj, kiuj nur en kelkaj artikoloj are aperas (p. 19—20: orginalaj, sognoj, skrina, provzis, deveniĝas, precezigitan). Pli ĝenas tiaj formoj sen klarigo uzitaj kiel prieco de mesaĝo (p. 23), solvpriaj mesaĝoj (p. 24), malpria informo (p. 28). Veraj eraroj prezentiĝas en la uzo de volumo anstataŭ volumeno (p. 12) kaj „tio konsentas kun" anstataŭ „tio kongruas kun" (p. 23). La terminoj en la diversaj artikoloj ne estas unuecigitaj far la eldonintoj; pro tio aperas „malnetaj subaroj" apud „malprecizaj subaroj" (p. 58, 56) kaj ensemblo anstataŭ aro.

Resume la verko donas bonan superrigardon pri la nuna stato de la kibernetiko kaj plifirmigas la fakan lingvon.

1) Mallongigo de „Internacia Lingvo", de Prof. Frank preferata anstataŭ „Esperanto".

d-ro Martin Schüler

**Redaktionelle Information**

**Wegen technischer Gründe in der Druckkerei erscheinen die Ausgaben von „der esperantist" im Jahre 1983 mit großer Verspätung. Wir bitten um Verständnis.**

**Redakcia informo**

**Pro teknikaj kaŭzoj en la presejo la numeroj de „der esperantist" en la jaro 1983 bedaŭrinde aperos kun grandaj malfruoj. Ni petas pri komprenemo.**

## „Kuirlibro“ por instruantoj

La E-instruistoj kaj kursgvidantoj respondecas pri gravega celo en la E-movado. Per sukcesa laboro ili povas gajni novajn lernantojn kaj aktivulojn de la internacia lingvo. Pro tio la faka klerigo de la kursgvidantoj ludas gravan rolon. Al tio kontribuas la libro **„Metodiko en la praktiko“ de Zs. Barczay (red.), Esperanto-Centro Paderborn, Hungara E-Asocio, Budapest 1982, 122 p.**

La libro celas „doni ideojn kaj montri jam iritajn vojojn“ al instruantoj kaj per tio prezenti praktikan helpon en la instruado de la lingvo Esperanto. La redaktinto alvokas al spertinterŝanĝo inter la instruantoj, por ke elvolviĝu „foiro de metodoj“. En tiu direkto „Metodiko en la praktiko“ donas grandan atentendan helpon.

La una parto de la libro enhavas metodikajn, lingvistikajn kaj psikologiajn konsiderojn de elstaraj metodologoj kaj kursgvidantoj kiel ekz. I. Szerdahelyi, Sz. Barcsay, G. Dimov, T. Dahlenburg. Plurfoje aperas la admono, ke ne nur la lernanto sed ankaŭ eĉ antaŭ ĉiuj, la instruisto plue lernu. D-ro Dahlenberg ekz. skribas: „La instruisto mem volu lerni dum ĉiu nova kurso. Li intencu pli perfektiĝi en la memobservado, en la sinregado, en la asimiliĝo al neatenditaj cirkonstancoj, en ĝeneralkleriga sfero, en la lingvo Esperanto. Do la kursestro ja staru super la bezonata materialo, sed psike li estu primus inter pares (la unua inter samranguloj S. F.).“ (p. 40)

En aliaj artikoloj oni trovas atentigojn pri korekta demandado, pri la metodiko de la planado, pri la graveco de korespondado por la lernantoj aŭ pri aliaj temoj, gravaj por instruado. Tiaj ĝeneralaj konsideroj estas konkretigataj kaj ilustrataj en la dua parto de la libro per priskriboj de 11 konkretaj instruhoroj kun komentarioj. Certe ĉiu kursgvidanto evolviga sian propran manieron instrui; estas malfacile, komplete transpreni la instruplanon de alia. Sed el ĉiu de tiuj 11 instruhoroj — ĉu por plenkreskuloj aŭ gimnazianoj — mi eltrovis metodikan paŝon, helpilon aŭ konsilon, pliriĉigontajn mian propran instruadon.

En la suplemento G. Pirlot kompilis superrigardon pri la situacio de la E-instruado en la mondo, ne enhavantan bedaŭrinde Germanan Demokratian Respublikon. En dezirinda dua volumo de tiu „kuirlibro“ por instruantoj, kiel D-ro Blanke nomis la recenzitan verkaĵon, konkretaj informoj pri la instruado ankaŭ en nia lando ne manku.

Sabine Fiedler

## Burgoj, kasteloj kaj supoj

Por ke vi ne tro longe miru, kion komunan havas kasteloj kaj supoj, jen tuj je la komenco la klarigo. Temas pri du kajeroj, kiujn eldonis la Esperanto-Klubo Progreso en České Budějovice/ČSSR. La titoloj: Burgoj kaj kasteloj“ kaj „Receptaro de elektitaj sudbohemiaj manĝoj — supoj“. Jen bona pruvo, ke esperantistoj povas per Esperanto sukcese propagandi siajn landon kaj regionon.

„Albumo de Sudbohemiaj historiaj memorandaĵoj — 1-a kajero — Burgoj kaj kasteloj“. En tiu ĉi kajero oni prezentas sur 40 paĝoj entute 13 arkitekturajn konstruaĵojn. Ĉiun priskribon de burgo aŭ kastelo akompanas bela ilustraĵo kaj skizo de objekto. Ne mankas ankaŭ mapoj de la ĉirkaŭaĵo, kiuj helpos al la turistoj pli facile trovi la vizitindajn lokojn. Mi kredas, ke tiu ĉi kajero instigos la legantojn viziti almenaŭ kelkajn el la priskribitaj lokoj. Mi plene konsentas kun la vortoj en la antaŭparolo: „Nia publikaĵo ne volas esti historia resumo aŭ turisma gvidlibro. Bonvolu akcepti ĝin kiel rakontadon, kiel amkonfeson de la aŭtoroj al sia naskiĝregiono“.

Multaj klarigoj pri lokoj kaj personoj helpas la komprenon.

La dua kajero kun la titolo „Receptaro de elektitaj sudbohemiaj manĝoj — 1-a kajero — Supoj“, prezentas al ni 15 diversajn supojn, specialaĵojn el Suda Bohemio. Eble vi post la trastudo kuiros hejme „Fiŝsupon laŭ princo Vilhelmo“ aŭ iun alian. Aŭ vizitu la mencitan regionon kaj en iu simpla restoracio vi certe povos gustumi iun el la menciitaj supoj.

Ankaŭ en tiu ĉi kajero estas multaj gajaj ilustraĵoj. Iomete ĝenas nur la tipe ĉeĥa uzado de „dekagramoj anstataŭ la pli internaciaj „gramo“ aŭ kilogramo“. Alie la lingvo en ambaŭ kajeroj estas bona, imitinda. Dankon al la aŭtorino kaj la lingvaj kontrolistoj por tiuj vere havendaj kajeroj. Nun mi senpacience atendas la baldaŭan aperon de la duaj kajeroj en ambaŭ serioj. Dieter Berndt

---

## Sonoro el 30 lingvoj

K. Kalocsay. Tutmonda Sonoro. Volumoj I (p. 1 — 336), II. (p. 337 — 664). Hungara Esperanto-Asocio 1981.

Jen grandioza evento en la evoluo de la esperantlingva kulturo. Granda postrikolto de la poemtradukoj de Kalocsay trovis sian libroformon (en du unuopaj volumoj) kiel n-ro 17 de la prestiĝa beletra serio „Oriento — Okcidento“, kiu aperadas sub aŭspicioj de UEA kaj kiel kontribuo al UNESKO-projekto. Kalocsay mem ankoraŭ elektis la titolon, kiu laŭ lia plano devus fariĝi „ampleksega, multvoluma internacia antologio“, kiu enhavus la kremon de la tuta mondliteraturo. Tia antologiego ja estus multaŭtora kaj eble atendebla nur en la fora

estonteco. Pro tio la redaktinto Vilmos Benczik kaj HEA ligis al la titolo „nur" grandan parton de la poemoj (do ne ĉiujn) tradukitajn de Kalocsay kaj tio estas en tiuj du volumoj 581 poemoj (pli ol 18 000 versoj) de 185 aŭtoroj, tradukitaj el 30 lingvoj. Estas malfacile karakterizi la elekton. Troviĝas en la volumoj i. a. partoj el asiraj kaj babiloniaj tekstoj („Gilgames"), praegiptaj kaj hebreaj tekstoj (reĝo Salomono); granda elekto el la malnovgreka literaturo (i. a. Sapfo, Anakreon, Sofokles, Eŭripides, Aristofanes, Lukianos) kaj el la romia literaturo (i. a. Plautus, Catullus, Flaccus, Lucanus). Sed ankau troviĝas partoj el la malnova hinda, ĉina, azia kaj persa literaturoj. La modernaj literaturoj estas reprezentitaj i. a. per verkoj de Assisi, Dante, Petrarca, Chancer, Villon, Spenser, Shakespeare, Milton, Corneille, Hugo, Puŝkin, Lermontov, Vörösmarty, Petöfi, Poe, Baudelaire, Rimbaud, Eminescu, Mickiewicz, Vazov, Tagore, Strindberg, Ady, Majakowskij, Lun Trong Lu kaj aliaj, por nur citi kelkajn el la multegaj. El la hungara literaturo aperas nur malgranda parto de la tradukita materialo, ĉar tio eniros en la aperontan Hungaran Antologion. El la germana literaturo ni trovas i. a. 3 konatajn poemojn de Walter von der Vogelweide, de Goethe (i. a. La kanto de pulo, la sorĉlernanto, la ratkaptisto, la reĝo en Thule, Prometheus, Elfreĝo), de Schiller (Al la ĝojo, la ganto), nur kelkajn de Heine (ĉar ja aperis „Kantoj kaj Romancoj" kp. „der esperantist" Nr. 47 (1971) kaj de von Platen kaj Lenau.

La pli ol 100-paĝa apendico entenas du studojn de K. Kalocsay pri versfarado, biografietojn de la poetoj, postvorton kaj klarigajn notojn pri aluditaj en la poemoj mitologiaj figuroj kaj lokoj de V. Benczik. Vortklarigojn, ĉirkaŭ 100 neologismojn resp. literaturstilajn vortojn klarigas E. Fenyvesi (ekz. basa — malalta; bruska — akre malmilda; labila — malstabila).

Mendu la verkon ĉe Haus der Ungarischen Kultur, 1200 Berlin, Karl-Liebknecht-Str. 9. Ĉoi kostos 80 markojn.

D. Blanke

---

## Istvan Nemere: La naúa kanalo.

Hungara Esperanto-Asocio.
Budapest 1981. 104 pĝ. Prezo 50 Ft.
GDR-anoj mendu ĉe Haus der ungarischen Kultur, 1020 Berlin, Karl-Liebknecht-Str. 9.

Jen denova eldonaĵo de Hungara Esperanto-Asocio. La nomo de la aŭtoro, Istvan Nemere, jam iomete famiĝis en la movado. Inter alie la partoprenantoj de la 1982jara TEJO-seminario „Homaj loĝlokoj — hodiaŭ kaj morgaŭ" povis persone konatiĝi kun li. Nun antaŭ mi kuŝas lia unua libroforma verkaro esperantlingva. Verkaro estas la ĝusta esprimo — la libro konsistas el 30 rakontoj, anstataŭ-antaŭparola intervjuo kaj „Inventaro", prozaĵo listiganta vortojn kaj vortgrupojn de Haŭto ĝis nu!

La rakontaro estas treege malhomogena laŭ formo kaj enhavo. Eble tio signifas avantaĝon, ĉar ĉiu leganto trovos plezuran pecon. La plej multaj rakontoj prezentas simplajn, senambiciajn scenojn el la ĉiutaga vivo aŭ malgravajn aventurojn de strangetuloj. Iam ŝajnis al mi, ke al la aŭtoro mankis ideo por kontentige fini bone komencitan rakonton (La Mesio en Greentown). Plej plaĉis al mi la kosmoveturista novelo „Forgeso". Vere streĉajn aventurojn la leganto apenaŭ trovas, same la kulminoj ofte estas malbone ellaboritaj, kelkfoje enuigas la tro longaj ĝeneralaj priskriboj, kiuj ne progresigas la pason de la historio.

Malgraŭ miaj kritikaj vortoj la eldono de la libro estas laŭdinda, ĉar finfine originala verkisto el socialisma lando aperas per pli ampleksa verko sur la libromerkato kaj plivastigas la spektron de nia literaturo. Michael Lennartz

---

## Sciencfikcio

Grupo NIFO: Sferoj. Sciencfikcio kaj fantasto. Eldona Fako de Hispana Esperanto-Federacio. Zaragoza 1982. 131 p.

Malgrandformata libro konvena por meti en poŝon: „Sferoj". La hispana grupo NIFO kompilis naŭ diverslandajn rakontojn kun sciencfikcia aŭ fantazia enhavo. En pluraj verkoj la baza tono estas pesimisma, temas pri pereo, pereigo, sinmortigo. La SF-literaturo en Esperantio videble okupiĝas pli pri tero ol pri kosmo. Por mi persone, kiu pli ŝatas kosmoveturajn aventurojn, tio estas bedaŭrinda.

Ĉiuj rakontoj estas tradukoj, inter aŭtoroj kaj tradukintoj troviĝas famaj nomoj. Ni trovas rakontojn el Britio (Clarke/Auld, Sissons/Boulton), Ĉeĥoslovakio (Veis/Ŝtanura), FRG (Van Heese/Bick), Hispanio (Fuenteamor/Dek), Hungario (Ronaszegi/Finta), Kubo (Pinilla/Dek), Pollando (Lem/Sienkiewicz), Usono (Varley/Pov). Ili uzas multajn neologismojn, kio ŝajnas al mi nenecesa kaj eĉ iomete malhelpa dum legado.

Michael Lennartz

# Libroj el Bulgario

## Hristovski, Jovkov, Aleksiev

Bulgara Esperantista Asocio eldonis lasttempe tri broŝurojn tre interesajn. Estas la membiografio de Trifon Ĥristovski „Mia vivo", la biografio pri la bulgara verkisto Jordan Jovkov kaj la skizoj kaj rememoroj dediĉe al 100-jara Dimitrov-jubileo „Georgo Dimitrov — pri Esperanto-movado kaj pac-batalo" de Nikola Aleksiev. Do tri biografioj, sed verdire pli multe, pli precize peco da bulgara historio.

La plej impona libro estas „Mia vivo". Estas emocia vivo de kripla kamparana filo, kiu memstare evoluis per grandioza energio al kleriga homo, verkisto, komunisto kaj konata esperantisto. Li vivis dum la jaroj 1905 ĝis 1944 en la vilaĝo Radotina ĉe Sofio. Tiu ĉi admirinda viro jam kiel sesmonata bebo paraliziĝis pro poliumjelito, sekve de tio liaj kruroj kaj lia dekstra brako restis neevoluintaj. Nur la maldekstran brakon li povis movi. Plie li suferis je osta tuberkolozo. Terura vivo! Li ne kapablis viziti lernejon, ne povis helpi siajn gepatrojn dum la kamparlaboro, ne kapablis edziĝi, sed li akiris vastajn konojn pri historio, geografio, politika ekonomio, gramatiko, sociologio, literaturo, eĉ pri medicino, korespondis kun multaj esperantistoj en la tuta mondo, kaj skribis artikolojn kaj librojn! Ankaŭ la vivkondiĉoj en vilaĝo dum la faŝista regado, la konstanta manko je mono ne malpezigis lian vivon. Des pli mirigaj estas la fortoj, kiujn li evoluigis el si mem, el sia neŝancelebla fido pri la vivo, el sia konvinko pri la hela estonto de sia popolo. Mankas al mi la vortoj por esprimi la profundan impreson, kiun postlasis al mi tiu ĉi libro, tiu ĉi membiografio — fakte skribita sur la morta lito dum grandaj doloroj. Trifon Ĥristovski certe ne apartenas al la plej grandaj verkistoj de la mondo, sed kia homo!

Mi rekomendas tiun ĉi libron ne nur kiel bonan E-literaturon — bonege tradukita de la konata bulgara esperantisto Nikola Aleksiev —, sed ankaŭ, ĉar ĝi peras, kiom la homo kapablas efektivigi, kiam li konscias pri siaj fortoj.

La eta broŝuro pri Jordan Jovkov (entute 18 paĝoj) priskribas la vivon kaj verkojn de la bulgara verkisto kaj humanisto, kiu vivis de 1880 ĝis 1937 en la Dobruĝa ebenaĵo. Liaj amikoj lin nomis la „Bardon de Dobruĝa". En liaj rakontoj kaj romanoj li antaŭ ĉio traktis la vivon en bulgaraj vilaĝoj, ekzemple „La rikoltisto", „La farmobieno apud la landlimo" aŭ „Balkanmontaraj legendoj". Kvankam li priskribis la bravecon kaj heroismon de la ordinaraj soldatoj, li ne prisilentis detruon kaj kruelecon de la militoj. Li estis burĝa verkisto, sed kun koro por la simplaj homoj de sia popolo. La libreto montras, ke li estis kaj jam estas tre populara en sia lando kaj multe liaj verkoj ankaŭ estis tradukitaj en Esperanton. Bedaŭrinde la preso de tiu ĉi broŝuro ne tre bone sukcesis.

La tria broŝuro[1]), verkita de Nikola Aleksiev, estas dediĉo al la fama bulgara komunisto kaj gvidanto Georgo Dimitrov, kun kiu N. Aleksiev havis certajn personajn kontaktojn. La antaŭparolo „Georgo Dimitrov pri la E-movado" montras, ke Dimitrov, ne estinta esperantisto, sciis iom pri nia lingvo kaj subtenis la bulgaran esperantistaron dum la jaroj 1946 — 1949.. Tiam li estis ĉefministro de la bulgara registaro kaj ĝenerala sekretario de la Bulgara Komunista Partio. La unua ĉapitro estas nomata „Infera scenaro — kontraŭ titanon" kaj priskribas la lukton kaj la venkon de Dimitrov kontraŭ la germana faŝismo antaŭ la tribunalo de Leipzig. Laŭ persona travivaĵo Aleksiev ankaŭ prezentas la batalon de la popoloj por lia liberigo. La dua ĉapitro, „Kiel fortikiĝis la flugiloj de la aglo", sciigis al ni la evoluon de Dimitrov, de kompostisto jam 12-jaraĝa, al gvidanto de la internacia sindikata movado. Ĝi montras, kiel li organizis kaj edukis la laboristojn en sia hejmlando kaj en aliaj landoj kaj kiel li luktis por ilia unuiĝo.

Tre aktuala temo, „Defende al la paco", estas la enhavo de la tria ĉapitro. Estas memkompreneble, ke tia homo, kia Dimitrov estis, ankaŭ staris ĉe la flanko de la pacama homaro. Jam en 1913 li skribis pri „la Balkana milito kaj la laborista klaso". Pli malfrue li batalis kontraŭ la unua kaj la dua mondmilitoj. Tio estas montrata per multe da ekzemploj, eĉ el lia verkaro.

Fine, en la kvara kaj lasta ĉapitro, „Adiaŭiĝo kun Dimitrov", Aleksiev priskribas la morton kaj enterigon de Dimitrov en julio 1949 laŭ propra travivaĵo, kaj la doloron, kiu trafis la bulgaran popolon kaj la tutan progreseman homaron sekve de lia morto.

Tiu ĉi libreto enhavas ne nur la lukton, vivon kaj verkaron de Dimitrov, sed ankaŭ bildojn pri li. Ĝi estas „materialo helpe al la propagandistoj". Estas merito de N. Aleksiev, okaze de centjara jubileo de la naskiĝo de Dimitrov, honori tiun ĉi grandan homon ankaŭ por la E-movado.

Kiam oni resumas ĉiujn tri libretojn, ili donas bonan enrigardon en la historion de la bulgara popolo kaj la vivon de kelkaj el ĝiaj famaj filoj.

---

[1]) Havebla ĉe GDREA, 1 M.

Manfred Arnold

## Legenda heroo — Vasil Levski

Apostolo de libereco. Portreto de Vasil Levski sur la fono de Bulgario de la 19a jarcento. Mercia MacDermott. Tradukis Nikola Aleksiev, Sofio (Sofia Pres) 1980, 359 p., 4 bildpaĝoj.

En la jaro 1981 la amikoj de la bulgara popolo omaĝis la 13-jarcentan jubileon de la bulgara ŝtato (681 — 1981), unu el la plej malnovaj ŝtatoj en Eŭropo.

Pro tio estis tre bona ideo, prezenti al la esperantista legantaro biografion pri unu el la plej gravaj herooj de la bulgara historio, pri „la plej originala organizanto de la naciliberiga movado de Bulgario en la 19a jarcento", pri Vasil Levski (1837 — 1873). Pri Levski, kiun la bulgara popolo nomis „apostolo de libereco" ekzistas multaj bibliografioj (en germana lingvo, tamen en romana formo, tiu de A. O. Schwede „Sendbote der Freiheit", Berlin 1973).

La recenzata biografio elstaras pro almenaŭ tri kaŭzoj:

1. Verkis ĝin nebulgara aŭtorino, la angla sciencistino-bulgarologino Mercia MacDermott (1967), kio supozigas originalan aliron al la materialo, eventuale pli neinfluitan de patriotismaj emocioj, tute komprenenblaj ĉe bulgara aŭtoro.
2. La biografio de Levski prilumas gravan etapon de la bulgara historio en la 19a jarcento, la batalo kontraŭ la otomana jugo kaj tiel bonege korelacias al la bulgara nacia romano „Sub la jugo" de Ivan Vasev, same aperigita en la esperanta traduko (1959). Tre gravas, ke Levski aperas antaŭ ni kiel homo kun tre aktualaj ideoj pri la revolucia batalo kontraŭ diktatora reĝimo, ideoj, kiuj multfoje pruviĝis pravaj en la praktiko.
3. Ligite al tio estas de graveco, ke la verkon esperantigis ĝuste Nikola Aleksiev, ne nur unu el la plej rimarkindaj gvidantoj de la antaŭmilita (laborista) kaj postmilita bulgara Esperanto-movado, sed ankaŭ revoluciulo kaj socia aganto, kiu certagrade aplikis multajn el la principoj de Levski pri la naciliberiga revolucio, ĉar tiuj „validis ankaŭ dum la periodo de la kontraŭfaŝista rezistado en Bulgario (1923 — 1944)" (p. 5) kaj post la milito en gravaj sindikataj kaj aliaj sociaj funkcioj kunhelpis realigadi la vizion de Levski por libera Bulgario.

La leganto de la libro estas tuj kaptita, ĉar tute ne temas pri seka priskribo de la vivo de Levski. Oni trovas vivecan bildon pri Bulgario „sub la jugo" kun ĝiaj suferoj kaj esperoj, kiujn ankaŭ donis, krom Levski, i. a. demokratoj, poetoj kaj revoluciuloj kiel Georgi S. Rakovski (1821 — 1867), Panajo Hitov, Haĝi Dimitr, Ljuben Karavelov (1834 — 1879) kaj Ĥristo Botev (1848 — 1876).

La aŭtorino ne nur utiligis la riĉan dokumentan materialon kaj publikigitan pri Levski literaturon, el kiu ŝi abunde citas, ŝi ankaŭ kapablis peri bildon pri la socia atmosfero de tiu tempo, pri la pitoreskaj pejzaĝoj de la agadlokoj (konantoj de Karlovo, naskiĝloko de Levski, de la priskribitaj balkanaj regionoj volonte sekvas ĝin). Tre bela fariĝas la figuro de Levski. Homo, kiu, „jam dumviva estiĝis legendo" (188).

Oni volonte kredas al la aŭtorino, kiu, post skrupula esplorado venas al la surpriza konkludo: „Levski estas unu el la plej maloftaj naciaj herooj, pri kiuj oni povos diri, ke ne ekzistas diferenco inter la legendo kaj la homo — unu heroo, kiu restas heroo eĉ tiam, kiam la historiistoj provas uzi siajn orklampojn kaj skalpelon" (p. 14). La historia signifo de nuntempa aktualeco konsistas en tio, ke Levski estis samtempe elstara teoriisto kaj revolucia organizanto, kiu aplikis principojn por formi revolucian sekretan organizaĵon, kiuj eĉ hodiaŭ ankoraŭ havas signifon por popoloj luktantaj por sia libereco. „La libereco, por kiu Levski luktis kaj pereis, estis io pli ol simpla liberiĝo de la bulgara popolo el sub la otomana tiraneco. La libereco, laŭ Levski, prezentas tute novan socian ordon — puran kaj sanktan respublikon — en kiu ĉiuj nacioj vivos pace kiel fratoj havante samajn rajtojn" (p. 359).

La tuta verko dividiĝas en 4 partoj (kun po 6 ĉapitroj). La unua parto priskribas la junaĝon, viziton de la monaĥeja lernejo, lia monaĥiĝo kaj forlaso de tiu eklezia ligiteco. En la dua parto ni konatiĝas kun la juna arda revoluciulo, kiu kiel membro de „hajduta ĉeto" (taĉmento de venĝantoj kontraŭ la turkaj perfortantoj kaj subpremantoj) partoprenas batalojn izolitajn, baldaŭ komprenante tamen, „ke la plej grava afero estas ne la organizado de revolucie pensanta malplimulto — sed la organizado de la ŝanceliĝanta plimulto, restanta hejme" (p. 117). Tiu lia konvinko fariĝos lia agadprincipo pri kio ni legas en la tria parto. Ĝi traktas la agadon de Levski lige al la fondo kaj agado de la Centra Bulgara Revolucia Komitato (CBK), ties sukcesoj kaj malfaciloj.

En la lasta parto oni legas pri la pligrandiĝantaj malfaciloj kaj danĝeroj, grandparte kaŭzitaj de la senrespondecaj agadoj de Obŝti kaj aliaj pseŭdorevoluciuloj, sub kiuj laboris la CBK. Danĝero kiu fariĝis vivminaca kaj fine katastrofa por Levski. La lingvaĵo de la esperanta traduko legiĝas tre flue. Preskaŭ mankas preseraroj. Multaj turkaj kaj bulgaraj esprimoj (glositaj en anekso) certagrade kunhelpas redoni la historian koloron (Baj, Ĉorbaĝija, ĉeta, hajduto, konak).

Por enprofundiĝemuloj en la sciencan literaturon pri Levski bonvenus ordigita listo de la uzita literaturo, kiun la aŭtoro citis tra la libro. La preso estas bona, la

bindo tola. La „Apostolo de la Libereco" estas grava pliriĉiĝo de la esperantlingva bibliografia literaturo. Oni legos ĝin kun profito komprenante el la historio pli bone la nunon kaj — pri tio ne povas esti dubo helan estontecon de la tradicikaj heroo-riĉa bulgara popolo.

Detlev Blanke

---

## Japanio admonadas!

Eŭroŝima ne estas invento de neologismuloj. Ĝi estas averta vorto por tiuj, kiuj kredas je la beno de atomarmila minaco. Mi ne kredas je la bono de atomarmiloj kaj opinias, ke nocio kiel „Hiroŝima" ne estu nura slogaho. Ĉiu homo devas konsciiĝi, kia hororo troviĝas en tiu vorto, kaj oni devas scii, kiuj sintenoj kaj agadoj kondukis al tiu deĵeto de atombombo.

Tio denove tre klariĝis al mi, postkiam mi ricevis la libron „Nudpieda Gen". Ĝi estas bildstria romano. Pri bildstrioj la esperantistaj literaturamikoj jam forte diskutis okaze de „Asteriks" kaj la hungaraj bildstrioj. Kiu rigarde al tiu romano diskutis pri senco aŭ sensenceco de bildstrioj, pruvas, ke li ŝi ne komprenis la profundan humanisman intencon de aŭtoro kaj tradukintoj. La romano priskribas la travivaĵojn de la japana knabo Gen, kies patro kiel kontraŭmilitulo spertas persekutojn kaj kalumniojn. La libro finiĝas per la atombomba deĵeto kaj la naskiĝo de nova vivo — simbolo por la optimisma, progresema sinteno de la aŭtoro.

Min emocie kaptis ne nur la terura morto de la bomboviktimoj. Insiste estas pentrata la vivo sub la kondiĉoj de militarismo, la sensenca morto de fanatike fiagititaj gejunuloj, la suferado de la plej mizeraj tavoloj pro ekspluatado kaj mensogo.

Tio estas nek pasinta nek japantipa. Okazaĵoj de la lastaj monatoj pruvis, ke la malnovaj kaj konataj manieroj de militinstigado ankoraŭ bone funkcias.

Tiu libro daŭrigas bonan kaj laŭdindan tradicion de la japana pacmovado. Ni uzu la japanajn materialojn en niaj Esperanto-grupoj, la oficejo de la Esperanto-asocio certe povas konsili, kiel la kluboj prunte aŭ aĉete havigu al si ĉu tiun, ĉu alian libron, ekzemple la bildverkon pri Hiroŝima.

Cetere: Estis Usono, kiu deĵetis ambaŭ atombombojn.

Japanio admonas!

Nakazawa Keizi: Nudpieda Gen. Tokio 1982.

Aĉetebla ĉe UEA aŭ Rondo Gen p/a SYOZI Keiko, 3—7—15 Nisini pori, Aĉetebla ĉe UEA aŭ Rondo Gen p/a

Michael Lennartz

## Bibliografia informo

Haupenthal, Reinhard (Eld.): Plansprachen. Beiträge zur Interlinguistik. Darmstadt 1976 (Wissenschaftliche Buchgesellschaft). La eldoninto, kiu meritiĝis per represoj de diversaj gravaj verkoj pri interlingvistiko kaj esperantologio, prezentas elekton de studoj konataj al la interlingvistika specialisto kaj plejparte nekonataj al la ĝeneralnivela profesia lingvisto. Ni trovas kontribuojn de A. T. von Grimm (1860), Leopold Einstein (1885), Gustav Meyer (1891), H. Schuchardt (1904), J. Baudouin de Courtenay (1907), W. E. Collinson (1924 + 1932), J. Meysmans (1911), E. Sapir (1925), O. Jespersen (1930), D. Szilágyi (1931), N. S. Trubetzkoy (1939), H. Jacob (1948), W. Manders (1950), H. M. Ölberg (1954), E. Wüster (1955), A. Bormann (1958), D. B. Gregor (1965), I. Szerdahelyi (1965), M. Mayrhofer (1969), M. Mangold (1970), T. Carlevaro (1972), R. Haupenthal ŝkribis enkondukon pri interlingvistiko (laŭ li nur planlingvo-scienco) kaj eldonis tre utilan bibliografion. La plej multaj studoj aperis en la angla aŭ en Esperanto kaj estas tradukitaj de Irmtraud kaj Reinhard Haupenthal. La kolekto meritus ampleksan recenzon, kio ĉi-tie ne eblas. Sufiĉu la informo pri la tre bonvena kaj filologie bone prilaborita antologio, kiu estas aparte utila por homoj tute nove enlaboriĝemaj en interlingvistikon.

Haupenthal lastatempe krome redaktis resp. prizorgis la eldonon de Eugen Wüster: Esperantologiaj studoj (Antverpeno — La Laguna 1978, 254 p.); la duan eldonon de P. E. Stojan: Bibliografio de Internacia Lingvo kun bibliografia eldono de Haupenthal (Olms-Verlag, Hildesheim 1973, 60 p., rec. aperis en ZPSK 5/82), dua eldono de J. M. Schleyer: Volapük. Die Weltsprache, kun Volapük-Bibliografio de R. Haupenthal (Olms-Verlag, Hildesheim 1982, 136 + 124 p.), tria eldono de L. Couturat/L. Leau: Histoire de la langue universelle (+ les nouvelles langues internationale) kun bibliografia aldono de Haupenthal (Olms-Verlag, Hildesheim 1979, 576 + 110 p., rec. en ZPSK 6/1981). Ankaŭ „Einführung in die Esperantologie" de P. Janton (Olms-Verlag, Hildesheim 1978, 104 p., rec. en ZPSK 5/82) aperis laŭ lia instigo.

D. B.

# Libroj el Vjetnamio

## Ho Chi Minh, Versaĵoj kaj prozo

Ruĝa Rivero — Fremdlingva

Eldonejo, Hanojo 1980, paĝoj 128, prezo neindikita

Verkoj de Ho Chi Minh en Esperanto aperis jen kaj jen kiel eroj en aliaj libroj, en biografioj pri li, en historiaj eseoj pri la lando. Ili ĉiam impresis pro sia simpleco kaj efikeco. Tiujn samajn ecojn oni retrovas en la ĉi tie recenzata verko.

La versaĵoj, laŭ mia opinio, estas tre impresaj malgraŭ tio, ke ofte ilia „mesaĝo" estas pli grava ol ilia poezia aromo. Ĉiukaze estas tre malfacile juĝi ilin, ne konante la originalon kaj la vjetnamajn versspecojn uzitajn. Koheraj kaj trafe redonaj pri la situacio, sentoj kaj suferoj estas la poemoj verkitaj en malliberejo. Inter la ceteraj poemoj kelkaj transiras sian, porokazan karakteron, kaj atingas trankvilan ĉarmon.

La proza parto, aliflanke, apartenas laŭ mia gusto al tiu speco de prozo, kiun nur granduloj kapablas kunmeti. Ĝi estas simpla, komprenebla kaj tuj efika, kiel ofte ĉe Maŭ Zedong aŭ Marks en nefilozofiaj verkoj. Ho Chi Minh, krome, elmontras grandan humursenton kaj kapablon fable revivigi ankaŭ plej tragikajn eventojn. „La fumizito", kiu aperis en la franca en la ĵurnalo la komunisma partio en la jaro 1922a, estas la plej bela ekzemplo de lia rakontmaniero. Ĝi estis verkita post pergasa masakro de nigruloj, kiuj rifuzis pagi impostojn al la franca kolonia .registaro.

Ankau „La proceso pri la franca koloniado" povos amuzi kaj instrui pri jam forgesitaj aspektoj de koloniismo. Ni ne timu memori pri tiuj aspektoj, ni ne forviŝu ilin el nia kolektiva konscio. Tiuj, kiuj faras tion, ne sukcesas poste klarigi al si kial „abrupte" iu ajn ajatulao sukcesas mobilizi milionojn da homoj kontraŭ la moderna eŭropa civilizo.

La „deklaracio pri sendependeco de Vjetnama Demokratia Respubliko" kaj la „testamento" inde fermas ĉi tiun libron. La unua havas la tipan duon-poezian/duon-prozan ritmon de solenaj paroladoj, en kiu simpleco ludas kiel tre fajna rimedo por supera retorikeco. La dua, la testamento, ankoraŭ nun havas politikan valoron. Lia alvoko al la „frataj partioj" por nepra reunuiĝo eble iom missonos ĉe ies oreloj post la lastaj eventoj kun unu el la „fratoj", sed ĝi estas nur signo de tiu fido al la tutmondeco de komunismo, kiun havis la frutempaj batalintoj por ĝi. Kvankam tiu fido eble nun estas taksata en pluraj diverskoloraj „socialismaj" landoj senbaza romantiko, oni rajtas fieri pri ĝi.

La uzata Esperanto estas ĝenerale tre altnivela, kvankam jen kaj jen oni rimarketas iun emon al naturalismaj neologismoj, kiu ŝajnas tipa por la plej bonaj vjetnamaj esperantistoj. La tradukintoj, Dao Anh Kha, Nguyen Minh Kinh kaj Dang Dinh Dam, sukcesis doni „animon" al siaj esperantlingvaj versioj. La reoftiĝo de vjetnamaj esperantaĵoj, kaj ilia bona nivelo, konvinkis min ke jam estus tempo por la vjetnama movado eliri el sia „mistero" kaj konigi sin pli intime al la cetera esperantistaro. Oni ne forgesu ke esperantistoj estis inter tiuj, kiuj plej bonkore subtenis Vjetnamujon dum la pasintjardekaj militaj eventoj. Ili ja rajtus ekkunveni en baldaŭa estonteco en Vjetnamujo mem por tie reale renkonti la homojn, kiujn ili subtenis kaj pluŝatas. Tio (mi pensas pri Esperantista renkontiĝo en Hanojo kun partopreno de invititaj eksterlandanoj) ankaŭ donus novan impulson al la vjetnama movado. Ĝi estas, laŭ mi, la nun plenumenda tasko de la vjetnama movado, la sojlo transirinda en la spirito de Ho Chi Minh, kiu en sia testamento aludas plurfoje al ligoj kun la tutmondaj geamikoj de la vjetnama popolo.
Havebla ĉe GDREA, 2 M.

Renato Corsetti

---

## Reveno

Post la fino de la longaj militaj jaroj kontraŭ usona agreso kaj por la liberigo reunuiĝis la suda kaj norda landpartoj de Vjetnamio al unueca ŝtato. Aliaflanke pro la antagonismaj tendencoj en la du antaŭmilitaj ŝtatoj kaj dum la militaj tumultoj estis dispelitaj multnombraj familioj. Ili perdis anojn, hejmojn kaj eĉ kontaktojn inter si. Serĉante unu la alian, revenante al la iamaj hejmlokoj, la homoj trovis ĝisfunde ŝanĝitajn cirkonstancojn.

Sub la titolo „Reveno" publicis la „Fremdlingva Eldonejo, Hanojo 1981" 80-paĝan broŝuron, kiu emociige pentras bildon de la nova postmilita vivo en Vjetnamio. Enhavas la broŝuro du novelojn el la tempo post la liberigo kaj reintegriĝo de Sud-Vjetnamio. Tria rakonto raportas pri la suferoj de la vjetnamia popolo en la periodo de la ĉina atako kontraŭ la norda regiono en la jaro 1978. La priskribitaj personaj sortoj imprese

respegulas la ĝeneralan suferplenan kaj komplikan vojon de la vjetnamia nacio dum la lastaj jardekoj.

Havebla ĉe GDREA: 1 M. Erich Würker

---

## Vu Kan kaj Hoang Nguyen, Kampuĉio — La nigraj jaroj

**Eldono de periodaĵo „Vjetnama Kuriero" kaj Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio. Hanojo 1979, 153 p., 21 ilustr.**

La vjetnamaj esperantistoj, mirigintaj la mondan esperantistaron per vigla eldonagado dum la malfacilaj jaroj de la liberigaj bataloj kontraŭ la francaj kaj usonaj imperiistoj, silentis de post la venko, evidente koncentrante siajn fortojn al la rekonstruado de la patrio. Nun denove ili prezentas Esperanto-libron, donante klarigon pri la kialo tuj en la antaŭparolo: Car flanke de Ĉinio la internacia lingvo Esperanto — lingvo de paco kaj interhoma frateco — estas misuzita por disvastigi erarigajn asertojn subtene al la venkita kampuĉa reĝimo de Pol Pot kaj Ieng Sary kaj defende al ties krimoj, la vjetnamaj esperantistoj sentas sia devo uzi Esperanton por diri la veron pri tiu reĝimo, pri la situacio necesiganta ĝian perfortan renverson kaj pri la sekvoj el ĝiaj krimoj agoj.

La libro konsistas el du partoj, nome el la raporto de la ĵurnalisto kaj esperantisto Vu Kan pri liaj spertoj kaj impresoj dum vojaĝo tra Kampuĉio kun internacio ĵurnalista grupo, kaj el la raporto de la juristo Hoang Nguyen pri la proceso de Pnompeno kontraŭ la kontumacaj krimuloj Pol Pot kaj Ieng Sary.

La unua parto distingiĝas antaŭ ĉio per la fakto, ke Vu Kan ne nur rakontas siajn travivaĵojn kaj observojn per propraj vortoj, sed paroligas atestantojn transvivintajn la „nigrajn jarojn" de la renversita reĝimo. Kelkaj el tiuj atestantoj estas montritaj per fotoj aldonitaj al la libro. Per la rekta prezentado de tiuj depozicioj la raporto akiras grandan viglecon kaj aŭtentikecon. Ankaŭ en la dua parto la propraj opinio kaj vortoj de la raportanta juristo Hoang Nguyen tute cedas laŭ amplekso kaj graveco antaŭ la pruvitaj kaj nerefuteblaj konstatoj, kiuj troviĝas en la komplete aldonita juĝo de la Revolucia Popola Tribunalo, kiu de la 15-a ĝis la 19-a de aŭgusto 1979 esploris en Pnompeno la faktaron laŭ la validaj proceduraj reguloj kaj surbaze de la juraj disponoj de la Ĝeneva Konvencio de 1948 pri genocido kaj de la ĉi-koncernaj dekretoj de la Revolucia Popola Konsilio de Kampuĉio.

La bildo pri la okazintaĵoj rezultanta el ambaŭ partoj estas tiom terura kaj animskua, ke la leganto inklinus pridubi ĝian verecon kaj realecon, se ne estus la menciitaj atestoj de transvivintoj kaj la tribunalaj konstatoj. Kaj jen kelkaj el la prezentitaj faktoj: 3 milionoj da loĝantoj (= 40 % de la tuta loĝantaro) estis rekte aŭ mortigitaj sekve de torturoj aŭ malbonaj vivkondiĉoj; la loĝantaro de Pnompeno kaj de aliaj grandoj urboj, senescepte kaj senpruve rigardita kiel malamika al la reĝimo, estis evakuita al foraj kamparaj regionoj; la loĝantaro de tutaj provincoj suspektitaj pri nelojaleco al la reĝimo estis forpelita al malproksimaj partoj de la lando; la tiamaniere senhejmigitaj kaj intermiksitaj popolamasoj estis organizitaj en tiel nomataj „popolkomunumoj" laŭ ĉina modelo, ĉe kio viroj kaj virinoj estis dise grupigitaj senkonsidere al familiaj interligoj; la nutrado de tiuj amasoj senradikiĝintaj kaj senkompate devigitaj al streĉaj laboroj estis absolute nesufiĉa kaj konsistis pleje nur el maldensa rizosupo; intence ekstermitaj estis la oficiroj, soldatoj kaj oficistoj de la antaŭa registaro de Lon Nol, krome ĉiuj sciencistoj, instruistoj, kuracistoj kaj aliaj intelektuloj, kiuj havis la ŝancon transvivi nur, se ili kaŝis sian identecon; aboliciitaj estis mono, lernejoj, medicinaj servoj; la industrio estis malcentralizita kaj tenita sur la nivelo de kamparaj kaj urbaj popolkomunumoj.

Eksciante tiujn kaj multajn pliajn faktojn kaj pripensante la sekvojn el tiu plurjara sistema malorganizado de la socia vivo, el la detruo de ĉiuj ekonomiaj, familiaj,religiaj ktp. strukturoj, oni bone komprenas la enormajn malfacilaĵojn, kiujn la Revolucia Popola Konsilio de Kampuĉio kaj la subtenantaj ĝin progregresemaj fortoj devas venki por forigi el la lando la malsaton kaj por iom post iom rekonstrui novan socion garantiantan por ĉiuj vivindan vivon. Kaj oni konsciiĝas pri la neceso de internacia helpo kaj solidareco. Sed samtempe oni klare ekkonas, kian abomenindan rolon ludas tiuj imperiismaj fortoj kaj iliaj ĉinaj helpantoj, kiuj ne hontas respondecigi la nunan revolucian registaron de Kampuĉio pri la sekvoj el la krimoj de Pol Pot kaj Ieg Sary.

La politika kaj informa graveco de la libro preskaŭ ŝajnigas lingvajn rimarkojn nekonvenaj. Sed certe la vjetnamaj amikoj ekkonas la helpan intencon de tiaj rimarkoj. Laŭ la opinio de la recenzinto malgrandaj lingvaj mankoj troviĝas antaŭ ĉio en evidenta necerteco ĉe la apliko de la tempoj, precipe de la relativaj tempoj, en la troa uzo de kunmetitaj verboformoj, inter tiuj la troa, kelkfoje nekomprenebla kaj eĉ erariga uzo de la ont-kaj ot-formoj kaj en la uzo de nekutimaj vortoj (ekz. mortevitintoj, servigi, hejmilo, feroca, fuzkuglo, enuklei, refektrorio, prebendo, pletora, depravacio). Sed cetere la lingvaĵo estas flua kaj bone komprenebla, kaj la menciitaj mankoj tute ne influas la legeblon kaj legindecon de ĉi tiu valora publicaĵo. Ricevebla ĉe GDREA por 2 markoj.

D-ro Karl Schulze (†)

## Vjetnama Socialisma Respubliko. Hanojo 1980, 272 p.

En la nacia literaturo estas tute kompreneble ke la librovendejoj ofertas librojn, kiuj amplekse raportas pri geografia, ekonomia kaj politika situacio en la plej diversaj landoj. La esperant-lingva libromerkato laŭ temoj estas sufiĉe malvasta. El Vjetnamio, lando konata pro sia denove plivastiĝanta eldonado de esperantlingvaj libroj, kaj kiu ofte aperas en la komunikoj de internaciaj novaĵ-agentejoj, nun venas ĝenerale priskriba verko pri tiu hindoĉina nacio.

La riĉe ilustrita libro enhavas abundajn informojn pri la naturaj donitaĵoj, pri la ekonomio, arto, kulturo kaj aliaj sferoj de la socia vivo. La leganto konatiĝas kun la ĉ. 60 naciaj minoritatoj el plej diversaj lingvofamilioj kaj kun la strukturo de la majoritata viet-lingvo, kiun parolas ĉ. 80 % el la enloĝantoj. Industrio kaj agrikulturo ankoraŭ estas signitaj de la milita heredaĵo: rearanĝado de arbaroj, manko de krudmaterialo kaj eluziĝo de maŝino k.t.p. La libro ankaŭ priskribas la penojn de la vjetnama popolo en la supervenko de tiuj malfacilaĵoj kaj en la stabiligo de la socialekonomiaj viv-niveloj en ĉiuj partoj de la lando. Krome ni trovas ĉapitrojn pri edukado, publika sanprizorgo, evoluo de scienco kaj tekniko, internaciaj rilatoj kaj turismo. En la libro estas uzata la nocio COMECON (p. 57, 145) anstataŭ KREH, kion solan mi trovas kritikinda en la verko.

Ricevebla ĉe GDREA

Michael Lennartz



## ELEM, János: Ĉu vi vidis jam la piedsignon de l'rPofeto?

Teatraĵo. Dulingva eldono hungare/esperantlingve. Tradukis: Vilmos Benczik. Hungara Esperanto-Asocio, Budapest (1982). 91 p., prezo: 40 Ft.

Enkadre de la Budapeŝta Printempa Festivalo (1982 unuan fojon ligita kun Renkontiĝo de Esperantaj Teatroj) okazis la solena premiero de la teatraĵo „Ĉu vi vidis jam la piedsignon de l'Profeto?“ Famaj hungaraj profesiaj geaktoroj vizitis bazan kurson de Esperanto por poste tre sukcese prezenti la teatraĵon kaj en Budapeŝto (marto 1982), en Antverpeno (67-a UK, julio 1982) kaj 1983 denove en Budapeŝto.

Ne ĉiuj havis okazon esti inter la spektintoj, sed bonŝance HEA-eldonejo publicis la tekston de la teatraĵo, kiu ĝis nun legeblis nur fragmente en Hungara Vivo 6/1981.

Fantazia Turisma Oficejo organizas multkostan ekskurson, kiu finas neatendite meze de dezerto. La vojaĝgvidanto ne komprenas la lingvon de la turistoj. Li enparkeris nur la necesajn informojn, sed ne kapablas respondi demandojn. La vojaĝoficejo zorgis pri maksimuma komforto, sed lasas la partoprenantojn por du semajnoj sen ia ajn programo, „kondamnitaj je libero“. El tiu homa kaj komunikada krizo elkreskas la plej absurdaj situacioj por la seksoj, temperamentoj kaj karakteroj. Sed pri tio prefere mem legu kaj filozofiumu.

La teatraĵo, originale hungarlingve, estas ĝis nun enscenigita nur kiel Esperanto-traduko. La tradukintoj, d-ro Benczik (kaj por la prologo ankau Jozefo Horváth kaj P. András Rados) estas konataj majstroj de la internacia lingvo kaj spicis la tekston kun tipe esperantistaj aludoj, vortludoj kaj proverboj.

La poliglotoj inter la legantoj certe ĝoje kaptos la okazon kompari la du tekstojn. Mendebla ĉe Ungarisches Kulturzentrum, 1020 Berlin, Karl-Liebknecht-Str. 9

Linde Knöschke

---

## Bildstria rakonto

B. Prus, La Faraono. Kiel bildrakonto verkita de Tibor Cs. Horváth, desegnita de Attila Fazekas. Esperanto-Teksto de Vilmos Benczik, Hungara Esperanto-Asocio, Budapest 1980, ISBN 963 571 0690, 135 p. La modo bildstriigi verkojn de la mondliteraturo nun ankaŭ enkondukis en la Esperanto-literaturon Hungara Esperanto-Asocio. Jam aperis de Géza Gárdonyi „Steloj de Eger“ (1979) kaj de Mór Jókaj „La filoj de l'ŝtonkora homo“ (1978).

Estas disputinde, ĉu tiu kondensigo de verkoj de la mondliteraturo estas defendebla. „La Faraono“ finfine ekzistas en klasika traduko de Kabe. Verŝajne oni celas kiel gelegantojn la junajn legantojn. Sed la abunda teksto kaj tro nigraj ilustroj eble malfaciligas la orientiĝon. Kiel ajn, bildstrioj rakontoj do ankaŭ ekaperis en Esperanto kaj aldonas al ĝia literaturo plian ĝenron.

Mendebla ĉe Haus der Ungarischen Kultur, 1020 Berlin, Karl-Liebknecht-Str. 9.

Linde Knöschke

# KORESPONDDEZIROJ 

**(Ni nur publikigos tajpitajn kores-ponddezirojn)**

## Soveta Unio

Membroj de Krasnojarska Junulara Esperantista Klubo dez. k. kun ĉ. l.: USSR, 660075—**Krasnojarsk,** p.k. 2420, Esperanto-klubo

1. Andreeva Nina, 18-j., str. Lebedeva 31—179 (kun Pollando, Anglio pri ĉt).
2. Bloĥina Elena, 23-j., str. Surikova 53—53 (kun GDR, Anglio pri ĉt).
3. Viktoruk Nataŝa, 23-j., str. Kurĉatova 1—41 (kun GDR, Pollando pri ĉt).
4. Gaputin Vladimir, 20-j., p.k. 2420 (tm pri tekniko, muziko).
5. Gorbatenko Elena, 18-j., Divnogorsk, p.k. 518 (kun kapitalistaj landoj pri ĉt).
6. Danilin Igorj, 23-j., str. Karbyŝeva 10„A" — 77 (tm pri politiko, ekonomiko, problemoj de paco).
7. Dubinina Elena, 20-j., str. 1-a Krutogorskaja 6—1 (kun GDR, Hindio pri ĉt).
8. Erŝova Elena, 22-j., str. Ŝĉorsa 3—26 (kun Pollando, Bulgario, Anglio pri ĉt).
9. Epina Marina, 26-j., str. Moskovskaja 3a—49 (tm pri sporto, E-literaturo, interŝ. bk).
10. Ĵuravljov Aleksej, 25-j., str. Kalinina 78a (kun GDR, Bulgario pri muziko, literaturo).
11. Ĵuravljov Vladimir, 22-j., str. Kalinina 78a (kun Usono, Japanio pri E-temoj).
12. Zdorenko Aleksandr, 20-j., Severnyj proezd 11—35 (tm pri ĉt).
13. Laptev Vladislav, 20-j., p.k. 2420 (kun Bulgario, Aŭstrio, Francio, Anglio pri nigra,blanka fotografio, medicino, esperantaĵoj).
14. Petrov Anatolij, 18-j., av. Krasnojarskij rabočij 69—63 (kun Bulgario, GDR pri ĉt).
15. Marbekova Ljudmila, 19-j., p.k. 2420 (kun Bulgario kaj Japanio pri fotografio, esperantaĵoj).
16. Nevmatulin Nail, 21-j., str. Kirenskogo 22 (kun Japanio).
17. Smolencev Viktoro, 29-j., p.k. 2420 (kun Japanio, Aŭstralio, Usono pri abelbredado, radiotekniko).
18. Stepanova Irina, 25-j., str. Moĵajskogo 6—8 (tm pri belarto, esperantaĵoj, turismo).
19. Ŝatalov Jevgenij, 15-j., str. Totmina 16—69 (tm pri medicino, bk).
20. Carjova Zoja, 19-j., str. Totmina 16—40 (tm pri ĉt).
21. Ilona Bliudziute, lernantino, 17jaraĝa, Baltijos pr. 21—78, 235811 **Klaipeda,** Litovio, USSR
22. Lina Vasiliauskaite, lernantino, 15 jaraĝa, Balijos pr. 99—48, 235815 **Klaipeda,** Litovio, USSR
23. Rima Privediene, inĝenier-konstruistino, Poilsio 37—49, 235804 **Klaipeda,** Litovio, USSR
24. Roma Vitkute, studentino, Danges 33—10, 235 **Klaipeda,** Litovio, USSR
25. Margarita Pakalniene, instruistino pri historio, Sudmantai, 235843 **Klaipedos raj.,** Litovio, USSR
26. Audrone Stepankeviciute, studentino, studentino, Siauliu 15—52, 235811 **Klaipeda,** Litovio, USSR
27. 45j. oficisto dez. kor. tutmonde pri subakvaj esploroj, beletro kaj geografia literaturo, vojaĝoj, turismo, kol. bk, lumbildojn kun vidaĵo de belaj lokoj de naturo kaj urboj, kun maraj kaj aliaj faŭnoj: Viktor Nikolajeciĉ Usolcev, ul. Svjazi 22B-31, 690077 **Vladivostok 77**
28. 19j. studentino dez. kor. tutmonde pri matematiko, vojaĝoj, kol. rakontojn pri animaloj: Galina Usova, ul. Leninskaja 195—29, 690005 **Vladivostok 5**
29. 20j. studentino dez. kor. tutmonde pri historio de Esperanto en Rusujo, muziko, beletro (ŝatata verkisto estas F. Dostojevski): Elena Pogoranskaja, ul. 3 Garnizonnaja 21, 690034 **Vladivostok 34**
30. 26j. oficistino dez. kor. tutmonde pri angla lingvo, beletro, teatro, filmoj, estrada muziko: Larisa Bogun, ul. Lenina 3a—46, 692535 **Vozdvijenka Primorskogo kraja**
31. 31j. oficistino dez. kor. tutmonde pri muziko, beletro, ĵurnalistiko: Naĵija Alimbekova, ul. Vtoraja 34, 692900 **Naĥodka 6**
32. Stase Sungailiene, oficistino, 25 jaraĝa, Taikos pr. 8—59, 235800 **Klaipeda,** Litovio, USSR

---

**Herausgeber: Kulturbund der DDR Esperanto-Verband**

**Redaktion: 1080 Berlin, Charlottenstr. 60**

**Fernruf: 2 20 29 91**

Verantw. Redakteur: Dr. Detlev Blanke. Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. — Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. — Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.

Druck: Druckwerkstätte Glauchau

Artikel-Nr. (EDV) 7928 III-12-8 397